# LITERATURA MONDO



M. K. ĈIURLIONIS

KVARA JARO NO. 11. JANUARO 1926.

REDAKTA KOMITATO:
JULIO BAGHY, PAULO BALKÁNYI, KARLO BODÓ, KOLOMANO DE KALOCSAY,
PAULO DE LENGYEL, DR^O^ VINCENTO TÓTH, PAULO VARSÁNYI
RESPONDA REDAKTORO: DR^O^ BÉLA RÁCZ DE KÖVESD L. K.

ELDONAS: HUNGARA ESPERANTO INSTITUTO BUDAPEST, EÖTVÖS-UTCA 3

PREZO: 12 MIL HUNGARAJ KRONOJ

# ĈU MORTIS AŬ DORMAS

## LA KONSCIO DE LA ESPERANTISTARO?

Vole nevole ni demandas nin, kaj tiu ĉi demando koncipiĝis en malespera doloro, en kiu nun baraktas *senpove, kvankam plenenergie,* nia konscia destino kaj neestingebla amo al la lingvo, al la movado. Legante la ĉefajn presorganojn *„Esperanto“* kaj *„Heroldo de E.“*, ĉie oni trovas la saman plendon, senesperan helpkrion kaj vidante nian propran situacion ni devas konstati, ke ia nova krizo minacas la vivkapablan, sanan evoluon de nia kulturo Esperanta.

Nia movado jam travivis kelkajn krizojn, sed ili estis nur ŝajnaj aŭ apenaŭ tuŝis la internan vivon de la lingvo. Eksteraj krizoj estis tiuj, provizore haltigantaj la laboron, sed dum la kontraŭvola stagnado ne estingiĝis la celhava persisto, nek la energia entuziasmo. La mondmilito, teruroj komence paralizis la fortojn, sed post la baldaŭa rekonsciiĝo ĉio evidentiĝis en pli racia sistemo. La unuaj jaroj de la paco alportis agrablan surprizon. La suferoj hardis la korojn, la teruroj vekis sopiron al nobla internacieco, la kataklismoj maturigis la aspirojn de frata solidareco al la harmonia kunvivado de la Nacioj.

Ankaŭ la Esperantistaro ĝoje registris pliriĉiĝon de fortoj, modernan racion, prudentan sistemon en la movado. Aperis novaj, freŝaj, junaj batalantoj. La lingvo kaj la ideo penetris en mediojn, kie la serioza konsidero signifas avantaĝon. Ni forlasis la kampon de revoj kaj oni jam ne vidas en ni naivajn utopiistojn. La movado disstreĉis siajn flugilojn kaj la sinsekvaj sukcesoj signas la flugvojon de nia giganta birdo.

Sed ve... Ju pli ni ĝojas registrante la faktojn, des pli afliktas nin la krizo, kiun ni sentas. Tiu ĉi krizo estas pli danĝera por la movado ol estis la milito. Ĝi furiozis ekstere, ne mortigis la pulsantan koron de la lingvo. *La nuna krizo estas interna kaj ĝenerala.* Ni ne povas trovi trafan esprimon por nomi la malsanon, sed ni povas konigi la simptomojn: manko de entuziasmo, indiferento, multfoje eĉ malica indolenco.

Dolore estas vidi kiel en ĉiu lando kelkaj konsciaj Esperantistoj provas injekcii per sinofera klopodo la grandan mortanton: *nian movadon.* Dume la popolo remaĉas sian gramatikan scion aŭ nenifarante portas la kvinpintan stelon, nekonsciante kion ĝi signifas en la evoluo de la Mondospirito, neglektas la heroajn laborojn de siaj gvidantoj, ignoras, kritikas, malhelpas. *U. E. A.* vane helpkrias por la *dekmil membroj, „Heroldo de E.“* perdis pli ol *mil abonantojn* dum unu jaro kaj

# LITERATURA MONDO

## STARAS ĈE LA RANDO DE LA INDIFERENTABISMO, KIU SENINDULGE GLUTOS LA SOLAN LITERATURAN ORGANON DE NIA MOVADO, SE TUJ NE VENAS HELPO POR SAVI GIN AL LA SOPIRATA, PLI BELA, PLI NOBLA ESTONTO.

Kvar jarojn ni laboras, kvar jarojn ni luktas por la ekzisto de tia organo, *kia estas nepre necesa en ĉiu vivanta lingvo.* Aŭ ĉu Esperanto ne estas vivanta lingvo? Ni povas fieri kaj rajte postuli subtenon de la Esperantistaro, ĉar nia laboro estis signifplena por la vivo de la lingvo kaj valora por niaj amikoj kaj abonantoj. Ni servis kaj bone, honeste ni servis al evoluoj lingva, stila, beletristika de nia originala kulturo. Niaj legantoj kaj amikoj povas konstati tion sen akuzo de fanfaronado. Ilia fido donis al ni forton ĝis nun kaj ilia bonvola helpemo ebligis, ke ni spitu kontraŭ la indiferenteco kaj neglekto de la amaso. *„Literatura Mondo“ devas morti en sia spirita plenforto, se tiu amaso restas surda eĉ plu je nia lasta helpkrio.* Tio signifus la *mutigon de niaj diverslandaj verkistoj,* kaj *demonstracion pri la ridinda malforteco de la movado,* kiu ne kapablas konservi la vivon de *unu sola literatura organo.*

La nombro de niaj abonantoj neniam superis la *500.* El la centmiloj nur kvincent! Vere heroa sinofero, fanatika fido al estonto, neestingebla amo al la lingvo kaj ideo povis teni la plumon en niaj manoj. Nur kvincent troviĝas en la centmiloj, kiuj konscias pri la signifo de la literatura lingvo kaj originala kulturo post 38 jara ekzisto de Esperanto? *Ĉu vere nur kvincent?*

*Ni ne volas kredi tion! Ni ne volas perdi la fidon pri la estonto de nia pionira laboro. Lastfoje ni turnas nin kun helpkria petego al la tutmonda Esperantistaro:*

## EKZISTRAJTON KAJ KOMPRENEMAN SUBTENON AL

# „LITERATURA MONDO“!

*Ĉiu povas helpi:*

*Esperantaj gazetoj,* kiuj bonvole alvokas la atenton de la legantaro pri niaj laboro kaj situacio, samtempe menciante la gravecon de la literaturo por nia lingvo.

*Esperantaj societoj kaj grupoj* pagante jarabonon almenaŭ por unu ekzemplero.

*Niaj abonantoj kaj legantoj* akirante *unu* novan abonanton.

*Niaj reprezentantoj* regule kvitigante siajn ŝuldojn.

*Propagandistoj kaj kursgvidantoj* montrante provnumerojn de „L. M.“ kaj instigante je subteno la aŭskultantaron.

*Niaj verkistoj kaj kunlaborantoj* prelegante detalojn el iu numero de „L. M.“

*Naciaj literaturaj rondoj* ebligante per subvencio kaj taŭgaj manuskriptoj, kliŝoj, k. t. p. la eldonon de specialaj numeroj, kiuj inde reprezentus ilian kulturon antaŭ la internacia legantaro.

*Ĉiu povas helpi, se volas. Ĉiu devas helpi, se nomas sin konscia celhava Esperantisto.*

**Provnumeron sendas al ĉiu la Administracio.**

Lastfoje ni turnas nin al la tutmonda Samideanaro kaj esperas, ke per energiaj kaj bonvolaj helpemo, propagando, abonado ili refutas la akuzan demandon: *Ĉu mortis aŭ dormas la konscio de la Esperantistaro?*

Tiu ĉi konscio devas vekiĝi, se dormas aŭ reviviĝi, se ĝi mortis. Fine ni devas kompreni, ke ne sufiĉas havi sukcesojn, sed necesas konservi, profiti, multigi ilin, *ĉar aliokaze la brilaj rezultoj estos nur palaj kandellumoj ĉe katafalko de nia movado.*

*(Daŭrigo sur la antaŭlasta paĝo)*

# KRISTNASKA FABELO

DE KURD LASSWITZ*

Antaŭ artefarita groto en la vintra parko kreskis juna abio. La steloj lumis tra la senmova aero. Klare venis de supre la vespero — la Kristnaska vespero.

Sur la neĝumitan herbejon kaj la glaciiĝintan lageton, inter la nudaj branĉoj de altaj fagarboj, traradiis helaj fenestroj de sole starantaj domoj, malklara lumbrilo malantaŭ ili divenigis la vivoplenan urbon. Sed senhomaj kuŝis la vojoj de l'parko.

— Jen ili denove paradas en festa ornamo, — murmuris la abio — la verdaj fratoj prenitaj el la freŝa arbaro. Per arĝentaj rubandetoj ili estas ornamitaj kaj per brilantaj kandeloj, por festi la tagon de la lumo. Kaj mi, kiun morgaŭ pretarpasos tiom da festvestitaj homoj, — mi restas senornama kaj sola. —

— Ne ĉagreniĝu, — mallaŭte eksonis voĉo en la aero — mi vin ornamos.

— Kiu vi estas? — demandis la abio.

— Ĉu vi ne sentas je la pintoj de viaj folioj, ke mia malvarmeta mano vin karesas? *Prujno* mi estas. Jam je viaj branĉoj briletas etaj fajreraj kristaloj.

— Sed ili ne estas kandeloj — diris malkontente la abio. — Mi deziras stari tie en la pompa domo sur larĝa planko kie la homoj min admiros kaj honoros.

— Honoros? — Ho ne, tie vi nur starus, por plibriligi ilian feston: ĉar estas la homoj, kiuj solenas tiun ĉi feston, la Sanktan Nokton. Por ili ĝi estas sankta, por ili ĝi ripetas la liberigan konscion, ke ili estas *unu tuto,* ke ili estas *kreitaj unu por la alia, por servi komune al laboro kaj ami.* Kaj tia preferaĵo konvenas nur al la homoj.

— Ne donu lecionon al mi, saĝa Prujno! Tion mi scias pli bone. Mi aŭskultis la paroladojn de la instruita strigo, kiu loĝas en la fundo de l'groto kaj ripozis multajn noktojn de somero sur miaj branĉoj. Tio estas la granda festo pro la reveno de la *lumo,* kiun ili solenas. Kaj kun ili ĝin festas la tuta naturo ekstere. Nun denove pliiĝos la sunbrilo super la lando. Baldaŭ denove kaj pli forte mi ensorbos la aeron per miaj pingloj kaj preparos la junajn burĝonojn por la verdiĝo. Nova vivo fluos tra la mondo. Ĝin atendante ni ĉiuj ĝojas. Tio ne estas festo sole por la homoj, — kaj mi ne vidas kaŭzon, kial mi ne festu ĝin por mi?

— Prave — diris Prujno. — Ĉi tion mi ne neas. Sed vi vidas nur unu flankon de l'afero, la eksteran. La tutan profundon de tiu renaskiĝo vi ne plene komprenas, ĉar vi ne estas homo.

— Ĉu vi estas tia?

— Ne, — sed mi estas io, kio estas komuna al ĉiuj homoj, same kiel la sankta sento, kiu vivantiĝis al ili en tiu ĉi nokto. Mi estas la vivanta aero, mi estas la spiro — „Psiĥé" nomis min la antikvuloj, — ĉar mi estas la animo, kiu traspiras la tutan homaron. Mi trapasas la korpojn de l'homoj, dum ili vivas, kaj mi ĉirkaŭfluas la terglobon kunigante homon kun homo. Ili min enspiras kaj elspiras. Tra la homaro mi kuras konstante ripetante mian vivigan rondiron. Kaj tial mi konas ĉion, kio al ili konvenas. Kaj en tiu ĉi nokto ili konscias, ke *ĉiu kiel homo sin ŝuldas al la alia, ĉar la unu estas nenio sen la alia.* Same kiel mi ilin ĉirkaŭprenas per la komuna blovo de mia spiro, tiel ankaŭ iliaj koroj kuniĝas per nevidebla ligilo, sen kiu ili estus nenio alia ol lumsoifantaj eroj de l'naturo. Kaj en tiu ĉi nokto la ligilo varmiĝas je la homaj koroj, tiel ke ili ĝin sentas kiel *homamon.* Kaj tial ili povas soleni tiun feston nur komune. Kiu hodiaŭ estas sola, tiu ne estas kontenta kiel homo, por tiu kandeloj ne lumas sur arbo.

— Ankoraŭ mi ne kredas kion vi diris. — Sed jen proksimiĝas sola homo. Ofte mi lin vidis promenanta kun alia estaĵo. De iom da tempo li venas sola. Kaj vi opinias, ke li ne povas soleni la feston?

— Ni aŭskultu. Li estas poeto. Kaj poetojn ni natur-spiritoj povas percepti, eĉ se parolas nur ilia animo.

La solulo haltis sub la abio rigardante al la lumbrilo de la urbo. Kaj Prujno kaj abio aŭdis kio en li parolas:

Tago de l'ĝojo,
Mondonfeliĉiga
Sendito de la benanta,
Ĉion ĉirkaŭprenanta
Homamo! —
Vibranta espero
Rigardas atende
El brilaj infanokuloj
Ravite al vi renkonte,
Kaj la soleca larmo
Sur la vango malriĉula
Fluas por vi
En tremanta danko.

— Ĉu vi aŭdas? ekkriis la abio triumfante. Li glorlaŭdas la feston, kvankam li estas sola.

— Ĉu vi ne sentas, — respondis Prujno — ke lia animo estas malĝoja? Ni plu aŭskultu.

La viro haltis en la enirejo al la groto, post la dorso de l'abio. Tie li staris longatempe, sin envolvinte en sian mantelon, kaj rigardis en la nokton. Sed en lia animo eksonis mallaŭte jenaj versoj:

Ĉarma kristnasko!
Kial de mi
Vi kaŝas la feliĉon,
De mi la vizaĝon ridetantan
De l'amatino?
Al ni vi rifuzas
Liberan interŝanĝon
De amikaj donoj,
De okulo al okulo
La dankorigardon
Sub doma abio?

Ho, niaj abioj
Staras ekstere
En blanka nebulo
De l'vintra, luna nokto.
Brilante en prujno
Kaj tra l'malvarma kvieto
De iliaj ombroj,
Malproksime de la homoj
Kaj solece,
Super niaj kapoj,
Flamas la stelo
De la amo.

Sed profunde en koro,
Sciu, amatino,
Mi kaŝe starigas,
Nevidebla por la mondo,
Sole por vi
La kristnaskarbon.

Sur la fundo
De mia koro
Ĝi staras radikinte,
Kun pensoj fidelaj,
Kaj firme kaj certe
Supren al la lumo
Altiĝas la trunko

De esperĝoja amo.
Milde balanciĝas
Ĝia verda branĉaro
En la spiro
De l'sopiro
Al intima proksimeco
Antaŭen celante.

Ĉarman ornamon
De brilaj floroj
Vi fiksis
Al ĝiaj branĉoj
Kun mil kisoj,
Mil karesaj,
Karaj vortoj.
Oraj fruktoj
Inter ili brilas:
Sonantaj kantoj,
El mia koro
Elsorĉitaj
Per via mano.

Kaj ĉion tralumas
Ĉiela brilo
De lumantaj kandeloj,
Kiujn brule flamigas
La ĉarmaj rigardoj
De viaj okuloj,
Kien ajn ili trafas!

Ho amatino!
Afable akceptu
La festan arbon,
De vi pretigitan
Per propra koro;
Reakceptu ĝin
De via amiko,
Kiu memoras vin.

* Konata natursciencisto kaj filozofo germana (1848—1910), kiu penis popularigi la rezultaĵojn de siaj esploroj en formo de romanoj, rakontoj kaj „fabeloj". Lia plej fama verko estas la fantazia romano, *„Sur du planedoj"* (t. e. Tero kaj Marso).
Rim. de l'tradukinto.

Malproksime de la homoj.
Kaj solece,
Super niaj kapoj,
Flamas la stelo
De la amo.
Sed profunde en koro,
Mirinda kaj granda,
Kiel super palmoj,
Jam luminta
Al vagantaj saĝuloj:
Ĝi signas promeson
Ankaŭ al ni
Per la mistero
De senfina amo...

Jam delonge forsonis la paŝoj de l'viro, sed ankoraŭ silentis la abio; ĉar ĝi meditis kaj por tio bezonis tempon. Postlonge ĝi diris al Prujno:

— Do tamen mi estis prava. Vi opiniis, ke solulo ne povas soleni tiun feston. Sed tiu homo estas sola kaj tamen ĝin festas. Li starigis arbon en sia koro kaj li paŝis kiel festgajulo, ĉar li fidas al la promeso de l'stelo.

— Kaj tamen ankaŭ mi estas prava — respondis milde Prujno, fiksante kristalon post kristalo sur la malhelaj abiopingloj. — Tiu viro efektive *ne* estis sola. Ĝuste tio estas la promeso de tiu ĉi nokto, ke la homo ne estu forlasita. Sed la kuneston ne komprenu tiel laŭvorte kiel la kunstaradon de la trunkoj en arbaro. La homoj havas krome alian kuniĝon ol tiun per la spaco kaj per la efiko de l'naturleĝo. Sola estas nur, kiu vivas sen homamo, indiferente, ĉu tio estas la amo al poeto aŭ la amo inter gepatroj kaj infano, aŭ al amikoj aŭ al iu el la plej malaltaj, kiu ĝuas la miraklon de homa estado. Tia kompatindulo ne povas starigi arbon. Sed, kiu *sopiras* homamon, el tiu lumos kandeloj; ĉar, kio alitempe estas donata nur al poeto, tion la Sankta Nokto donas al *ĉiu ajn:* vidi plenumata sian fidon, *travivi* la potencon de l'amo en la profundo de l'koro. Kaj tio estas la ĝojo, kiu plenigas la homan koron en la Sankta Nokto. Tial la viro fidis al la stelo.

Denove meditinte la abio diris mallaŭte:

— Tio estas granda miraklo, donata al la homoj en tiu ĉi nokto. Ĉu ne ĉiam la homoj al ĝi fidis? Kial vi dependigas tiun ĉi misteron de la Sankta Nokto?

— Certe — respondis Prujno — ĉiam ekzistis homoj, kiuj faris la bonon pro amo, sed multaj nur pro la ordono. Kaj poste la homo demandas pri la deveno kaj sukceso de l'ordono, por ke li apogu sur tio sian fidon. Cetere lia faro similas al viaj semeroj, konfidataj al la favoro de l'vento: ĉu ili trovos humon, en kiu ekradiki? *Ekster* vi estas la kondiĉoj, ĉu via gento prosperos; super vi pendas la granda leĝo de ĉio vivanta, kaj vi devas atendi tion, kion ĝi pri vi decidos. Vi ne scias, kion la leĝo intencas, ĉar vi estas ĝia produkto.

— Bone, — sed min ĉi tio ne koncernas.

— Sed la homon ĉi tio koncernas. Li ja obeas al la leĝo, kiu postulas de li la bonon; sed ne sufiĉis al li, ke ĝi estis ekster li kiel ordono; ĉar li postulas ne nur la vivon, sed ankaŭ liberecon kaj indecon. Kaj ilin li povis akiri nur, kiam en la homaro eklumis la flama vorto: *„La postulanta leĝo estas vi mem!* Vi ĝin volas, kaj sole vi portas la sanktan prirespondecon por ĝia plenumo", — kiam venis la horo, en kiu la leĝo fariĝis homo; estis naskota la homo, en kiu vivas la plena Diaĵo, por ke li decidu, plenumi la leĝon ĝis la morto. En ĉiujn homajn korojn estas skribota la admono: *„La rajton vivi vi nur akiras vivante ĝin por la homaro.* Tio estas viaj libereco kaj indeco!"

— Kaj tio okazis en la Sankta Nokto? — demandis la abio.

— Ankaŭ koncerne la tempon vi imagu la homojn pli sendependaj ol vi estas koncerne floradon kaj fruktoportadon. La celo estas signita al la homo ĉiutempe kaj ĉiuloke, kie parolas en li la alta vorto: *„Mi estas libera, ĉar mi enigas la leĝon en mian volon."* Sed tio estas faro tiom granda kaj potenca, ke eta homo en tio ne facile sukcesos. Tio estas ideo, kiu devas plenigi lian tutan konscion.

— Ĉesu, Prujno! — ekkriis la abio. — Ĉi tie vi ne blovas tra la animo de sagaca homo, sed vi blovas ĉirkaŭ abibranĉoj en vintra nokto. Kion signifas ĉi tio por mi?

— Tiel same pensas multaj homoj: Kion signifas ĉi tio por mi? Kion fari kun ideo? Kaj tial, por ke ĝi povu efiki, la ideo, en ĉiuj homoj, ĝi devas fariĝi *sento.* Ĝi devas vivantiĝi en la homa koro per sopiro, espero kaj fido. Ĉi tiu sento estas la *amo al la homaro.* Kaj ĝi vivantiĝas por la homoj per majestaj modeloj, kiuj ekaperas en ilia historio. El ili fluas en la korojn la certeco: Tio estas ebla! El ili fontas abunde la espero: En tio ni sukcesos! El ili disvastiĝas la fido: Nia batalado ne estas senfrukta! Ekzistas senfina amo al la homaro, kiu venkas ĉiun mizeron de l'vivo. Ekzistas senfina estonteco. Akiru ĝin batalante!

— Ĉu tio do estas — demandis la abio — la samo, pri kio la homoj sin reciproke admonas en tiu ĉi nokto?

— Ili ligas la feston de l'homamo al la plej majesta modelo, por ke ĉiam denove vekiĝu en ili la voko: *„Vi apartenas unu al alia!"*

— Se tiel estas, — diris la abio post longa silentado — mi lasas la feston al la homoj. Por mi ĝi estas tro granda.

— Eble vi estas prava — respondis mallaŭte Prujno. — Sed vi ne pensu, ke ĝi estas tro granda por la homoj; ĉar sciu, ke ĝuste tio estas la intima mistero de la Sankta Nokto: Kio por la koncepto estas tiom komplika, ke eĉ nur malmultaj el la homoj ĝin komprenas, tio sama estas tiom simpla kiel *reala travivaĵo,* ke ĝi eklumas en ĉiu infankoro. Se vi deziras ĝin kompreni, vi bezonas motivojn; sed la amo ne bezonas tiajn. La kredo ne bezonas ilin. Ili estas per si mem kaj havas la ĝojon en si mem. Kaj pro la ĝojo viaj fratoj radias en la ornamo de lumantaj kandeloj.

— Ili radiu. Mi estas abio en la parko. Mi ĝoje atendas la lumon, kiu baldaŭ venos. La homoj ĝoju pri tio, kion ili havas.

— Kaj tamen, — diris Prujno — kiam morgaŭ la unuaj sunradioj trapenetros la nebulon, ankaŭ vi lumos en festa ornamo. Glaciaj pingloj kronumos vian kapon per diamanta brilo. Ĉar ne senefike mia spiro paŝas tra homaj koroj kaj same tra vintraj kampoj. Ankaŭ vi apartenas al la granda unuiĝo, kiu vivas kaj spiras en la senĉesa ŝanĝo de l'tempo, ankaŭ vi kreskas, por ke fariĝu kaj restu sur la tero, al kio servas ĉiuj estaĵoj:

*Amo!* —

El la germana: *Zanoni.*

## *GEEDZIĜO*

***Miquel de Palol***

*Ora vesper' kaj horizont' radia;*
*saltas ĉevaloj en herbej' sen fin'.*
*En plenliber', kun emocio dia,*
*du junaj geplaŝtistoj ligis sin.*

*Flugis en tiu sunsubira horo*
*arom' de geedziĝo tra l' aer'*
*kaj la brutar' — jen friso de amforo —*
*ekscite kaprosaltis en liber'.*

*L' edzino, kies karn' forte ricevis*
*la sanktoleon de la aminklinoj,*
*de l' edzaj brakoj ĝoje sin eklevis:*

*kaj pensis ŝi, revante ja mirbelojn,*
*ĉu akuŝos kentaŭrojn ĉevalinoj*
*kaj la pomarboj fruktedonos stelojn...?*

El la kataluna: *Jaume Grau Casas.*

# VIKTIMOJ

*ROMANO EL LA VIVO DE SIBERIAJ MILITKAPTITOJ*

JULIO BAGHY

DEKDUA ĈAPITRO

Je varma somervespero malfermiĝis la brilaj stelokuloj de la ĉielo. Sur ĝia malhelbluo malvigle pasis nubetoj tie ĉi kaj tie. La luno ludis kun ili kaŝludon, kaj fantomaj lunombroj glitis tra la rivero kaj envolvis por momentoj la kriplajn konturojn de la duonruina monaĥinejo. Sed okcidente la ĉielo estis blinda, timige malluma. Kelkfoje aŭdiĝis de tie tre malproksima murmuro.

En la kapelo de la monaĥinejo, sub la lumstrioj de la scivola luno, koloriĝintaj per la multkoloraj fenestrovitroj, kuŝis Fiza sur la improvizita lito. Tri avinjoj sidis apude, dormante, kun pendantaj, ofte ekbalanciĝantaj kapoj. La dormo moligis ŝiajn trajtojn, la febro ruĝigis ŝiajn vangojn, langvore, kun dismetitaj haroj, malstreĉa korpo ŝi kusis tie, kun stranga, dolĉamara rideto, kvazaŭ ĉastulino sonĝanta pri malpermesitaj plezuroj.

Subite ŝiaj palpebroj malfermiĝis. Ŝi restis senmova, nur ŝia rigardo vagis ĉirkaŭen, en obtuza duonkonscio. Ŝi ne sciis, kie ŝi estas. Strangaj, difektitaj ornamajoj sur la muroj, koloraj lumstrioj, multkoloraj vitroj. Lace ŝi volis klare ekpensi, orientiĝi. Sed nun, en subita plena lunlumo, ekvivis antaŭ ŝi — la altarbildo!

Kristo, montranta sian trapikitan koron!

El la transtere milda vizaĝo fiksiĝis al ŝi du profunde bluaj okuloj kun tia superhoma mildo, kun tia kortremiga potenco de l' *Bono,* ke ŝi devis fermi la palpebrojn.

Sed la okuloj ne malaperis, eĉ fariĝis pli vivaj. Kaj nun, tiu mildo, tiu Bono fariĝis pli homa, pli tera, tute intima, konata, ho, konata! Kaj Fiza facile ekĝemis:

— Johano!

Pro sia propra voĉo ŝi rekonsciiĝis, ekskuis la kapon. Ŝi sidiĝis en la lito. Subite ŝi rekonis, kie ŝi estas. Jen, la avinetoj! Kiel ili sidas, kun pendantaj kapoj. Kvazaŭ ŝtoniĝintaj sorĉistinoj en fabelo! Fiza ekridetis je ili.

— Ej, mi provu, ĉu ili vivas?

Kaj ŝi eltiris pajlotrunketon, por ektikli ilian nazon. Sed ŝia rigardo ree trafis tiun de la Kristobildo.

Ŝi kvazaŭ rigidiĝis, el ŝia mano falis la pajlo. La rigardo estis fiksita sur ŝi, ĝuste sur ŝi. Ŝi ne povis elteni ĝin longe. Subite, ekskuiĝinte en la tuta korpo, ŝi saltis el la lito, kuris en la plej malproksiman angulon. La okuloj ŝin sekvis. Tremante en la tuta korpo ŝi kuris kontraŭflanken. La okuloj sekvis ŝin.

Miraklo! La bildo vivas! — ŝi falis terurite sur la genuojn. Duone kaŭrante, duone genuante, alpremante sian febran korpon al la muro, ŝi balbutis fragmentojn de preĝo per tremanta lango.

Subite estiĝis tute mallume. La bildo malaperis antaŭ la streĉmalfermitaj okuloj de Fiza. Ŝi restis senmova, sentis sian koron bati en la gorĝo. Kio estos nun? Silento.

Mallumo kaj silento, pli kaj pli pezaj. Nur kelkfoje akra ekkrako tie kaj tie, sed tiel laŭta, ke ŝia spiro haltas.

Subite, super ŝi, en la angulo, zumo. Akra, penetra. Konstanta, freneza zumo, ha, ĝi estas ja muŝo, nur muŝo. Ŝi iom retrankviliĝas.

Nun ree ekbrilas la luno. Ŝi stariĝas. Super ŝi, en la angulo ŝi vidas muŝon, baraktantan malespere en aranea reto. La grasa araneo jam proksimiĝas.

Kaj Fiza disŝiras la retfadenon. Forflugas la muŝo.

— Nun bone! — ŝi flustras kontente kaj sin turnas. Ŝia rigardo ree trafas tiujn misterajn okulojn. Sed nun ŝi ne timas plu. Ekiras al sia lito.

Ŝi sidiĝas sur la litrando. La avinetoj dormas. Ŝi ektuŝas la bandaĝitan brakon. Ĝi apenaŭ doloras. Nur la kapo — ĝi estas peza kiel ŝtono. Kiel pulsas la tempioj! Kompreson eble. Doŝky ĝin donis, kaj... Kie li nun estas... kun la infano... Johano ne povas veni... la prokuroro... Katja... Katja ja nepre helpos... Katja volis savi lin... kio okazis al ŝi... ĉu la prokuroro?...

Zigzagaj demandoj en febra kapo. Zigzagaj pensoj. Ŝi devas helpi... se Katja ne volas... aŭ ne povas... Kion fari? La rivero severe gardata, diris Doŝky... eh, ŝi devas helpi... ŝi devas iri... paroli kun la prokuroro...

Kaj ŝi jam vestas sin, senbrue, kaj iras, piedpinte. Tra la koridoroj, tra la kampo ŝi kuras, pezspire, ofte ŝanceliĝante pro laco. Ŝi jam estas ĉe la rivero. La maljuna Averkiev loĝas tie, li estas fiŝkaptisto, havas boaton.

Ŝi ekfrapas la pordon. Neniu. Ŝi frapas per pugno, per kalkanoj. Senrezulte. Ŝi ĉirkaŭiras la domon, serĉas la boaton, ĝi mankas. Ŝia brako akre ekdoloras, ŝi falas sur ŝtipon preskaŭ svene.

Kiom da tempo pasas tiel, ŝi mem ne scias. Subite ŝi ekskuiĝas. Ĉu ŝi aŭdas parolon? Vere tri viroj proksimiĝas.

— Tamen estas bone, ke oni kutimas drinki post venko, — diras la unua. — La venkitoj pli facile povas rifuĝi.

— Tamen, estu singarda, iru en ombro! — kaj Fiza rekonas la voĉon de la maljuna Averkiev.

— Hm. Ceerte. Ne eeru enter arbetoajo! — diras tria voĉo, hungarlingve.

La tri viroj atingas la domon. Fiza stariĝas, rapidas paroli por ĉesigi ilian ektimon.

— Mi estas, Fiza. Avo Averkiev, mi devas transiri la riveron.

— Ne eble! — kapneas la maljunulo. — Soldatoj gardestaras.

— Mi devas! Ĉu vi komprenas? Mi devas! Tuj!

— Nun ne eble! Eble post duonhoro. Rigardu tiujn nigrajn nubojn. Se ili kaŝos la lunon...

— Avo, aveto, mi devas iri! — petegas Fiza, sed la maljunulo skuas nee la kapon.

Ili iras en la domon, sidiĝas en mallumo. Fiza ĉe la fenestro observas la ĉielon. Nuboj venas, nuboj pasas. Fine ŝi ne povas plu silenti.

— Ĉu certe pluvos?

— Certe. La nuboj venas de la *Bajkalo.* Certe pluvos.

— Hm. Oportounee! — sonas ree hungarlingve. Poste alia voĉo, ruse.

— Nu, Joĉjo, ĉu pli bone tie ĉi, ol en la barakkelo?

— Ple baone estoos en Transselvaneo... La Jesoo Krestoo mem ne estoos pensenta, ke teel feneĝaos teo ĉe anarkesmoo. La laostan cent kvendek rooblojn me eĉ ne receeves.

Fiza, ne komprenante la strangan hungaron, ree dronis en la rigardado de nuboj. Ili venis pli kaj pli ofte kaj dense.

Sed subite ŝi ekaŭskultis. La nekonata rifuĝanto parolis.

— Vi vidis tiun vagonaron. Ĝi venas el *Ufa.* Ĉiu vagono estas plumbita. 40—50 homoj enestas po vagono. Junuloj, infanoj, virinoj, maljunuloj. Ili vojaĝas jam de dudek tagoj, kaj vojaĝos eble ankoraŭ dudek, al *Ruskij Ostrov,* laŭdire. Ni vidis la flavajn ostajn vizaĝojn, la tremantajn manojn en la kraditaj fenestroj. Sepfoje ili ricevis manĝon dum dudek tagoj.

— Ho, Dio, Dio! — ĝemis la maljunulo. — Frato al frato, ruso al ruso faras tion. La germano estas pli indulgema.

— Ho, ili ja estas indulgaj! Ili ne mortigas la ruĝulojn, ili nur enyagonigas ilin. En ĉiu vagono putras unu du kadavroj. Kaj la terura malpuraĵo — dudek tagojn plumbfermite! — mil kaj mil pedikoj... abomene! Oni diras, ke hodiaŭ iu virino naskis infanon kaj ŝiris de si la solan vestopecon por vindi la etulon. Tute nude ŝi sidas sur la vagonplanko kaj frenezridete proponas siajn sekajn mamojn al la dia donaco. Dia donaco!... Eh, ankaŭ Dio ne scias kion fari ĝustatempe.

La parolanto furioze grincis per la dentoj. La maljunulo faris krucsignojn. Joĉjo ronkis en angulo.

— Kaj hodiaŭ oni alkroĉis ses vagonojn da novaj mizeruloj. Ĝis nun oni gardis ilin en la mallibereja korto, nun ili eble jam estas plumbfermitaj en siaj ĉerkoj... Aveto! Kiel mi danku, ke vi savis nin de tio... Se ni revenos, ĉar certe ni revenos, ni rekompencos...

La maljunulo, por haltigi la dankvortojn, leviĝis kaj elrigardis.

— Nu, vi ja povas ekiri, — li diris. Nur ĉiam suden! Se vi bone marŝos, post du tagoj vi venos al ĉina limo. Ĉu viaj tornistroj estas...?

— Ho, la militkaptitoj bone plenigis ilin.

— Ĉu ili estas bolŝevikoj?

— Ne. Nur homoj. Nu, he, Joĉjo! Surplanden! Ekmarŝo!

La dolĉa ronkado ĉesis, aŭdiĝis laŭta oscedo ĉe strečado de membroj.

— Ni rapidu, he, hejme vi povos dormi!

Joĉjo stariĝis kaj ekiris ŝanceliĝante post la kamarado.

— Me peensas, ke mea feanĉeno hejme nun ja paovas men ateende ĝes la tago de sankta reveveeĝo.

Fiza restis sola. Sed la maljunulo baldaŭ revenis.

— Nu, ĉu ni jam iras, — ŝi rapidis senpacience kontraŭ lin.

— Ankoraŭ ne. Baldaŭ pluvos, tiam la soldatoj kaŝos sin, kiel mi konas ilin. Atendu iom, jen, jam tondras.

Ekstere jam estis peĉnigra nokto, trafendata tie kaj tie de zigzaga fulmo. Fiza sidis duonsvene pro laco, febro, doloro, ekscito. Subite forta ventpuŝo malfermis la pordon kaj frapis dikajn pluvgutojn en ilian vangon.

— Ni iru do, se la afero nepras, — diris la maljunulo kaj vindis ŝin en dikan mantelon. Apogante la faleteman Fiza, li kondukis ŝin eksteren al la boato. Kaj baldaŭ, en la tranĉfrapa pluvego, inter kolere flavaj ekfulmoj kaj surdige akraj tondroj, la boato glitis for, al la transa bordo.

— — — — — — — — — — — — — — — — — — — —

Johano, en sia ĉelo, jam trafaris la fazojn de nerva scivolo turmenta malpacienco, febra ekscito. Nun lace, kun pendanta kapo, malantaŭe kunmetitaj manoj li promenis tien kaj reen en sia kvinpaŝlonga karcero. Kaj, por forpeli la preman silenton, li pensis laŭte. Kelkfoje li haltis, gestis dum la parolo, poste ree li ekmarŝis, la manoj malantaŭe.

— Katja, Katja! Ĉu mi vere amas ŝin. Ĉu mi amas ŝin anime, aŭ nur deziras karne? Ne, ne! Mi amas ŝin. La voĉo, la rido, la okuloj ja tiel similas tiujn de... tiujn de...

— Ho, do ĉiam ankoraŭ ŝi, tiu neforgesebla, eterna juna vizaĝo, la unua amatino, kiu min iam forpuŝis. Tiu, dumviva dolora cikatro sur la koro. Kiom da virinoj de tiam, mensogaj kaj vere amantaj — kaj mi serĉis en ili ĉiuj nur la *unuan*. Senĉesa serĉado, ŝajnaj ektrovoj, certaj trompiĝoj — jen estis mia vivo. Ankaŭ mia edzino. Kun la temperamento de la *unua*. La patrino de mia infano. Mi perdis ŝin. Ŝi perdis sin...

## *Delonge mia Muz' silentas*

*Delonge mia Muz' silentas,*
*Per rimoj tinti min ne tentas,*
*Katenas brakojn la brakumo,*
*Trakvile rustas mia plumo.*

*Pri miaj dolĉaj korobruloj*
*Amata, legu el okuloj,*
*Mi jam por rimoj ne ornamas*
*La dolĉan diron: mi vin amas.*

*Ja kial skribi surpapere*
*Pri l' am' per aĉa ink'? Prefere*
*Sur neĝo de viaj ŝultroj brilaj*
*Per fajro de lipoj maltrankvilaj.*

## *Tri benoj*

*Benante levas manojn mi*
*Kaj diras al vi benojn tri.*

*Se post la vic' de grizaj tagoj venas*
*Momentoj kiam via viv' solenas,*
*Salutas vin ĉe via vojorando*
*Mirakloj de la Novo, Belo, Grando —*
*Konservi freŝon de l' animo sane,*
*Miru infane!*

*Se okulvitrojn nigrajn Viv' forjetas*
*Kaj sur la kapon tintan ĉapon metas,*
*Strangaĵoj tiklas, pinĉas ŝercosplito*
*Kaj transkapiĝas farse la spirito —*
*La gajon ĵetu-ĵetu perlfontane,*
*Ridu infane!*

*Kaj se malĝojo, splen', ĉagren' vin jugas,*
*Se vin la horoj korve ĉirkaŭflugas,*
*Se koron vundas turmentantaj bruloj —*
*Ekfluu font' estinga el okuloj*
*Kaj viajn vundojn lavu ĝi mildbane,*
*Ploru infane!*

*K. de Kalocsay*

— Mia animo estas en ruinoj, kiel la hejma fajrujo. Kaj Katja? Ŝi ja amas min, certe!... ĉu certe? Granda amo povas forbruligi pasinton, sed ĉu tia pasinto ebligas grandan amon?

— Skrupuloj, jen mia ĉiutaga pano. Kial mi ne povas vivi la vivon de faciluloj — flirti, ŝteli mielon, forflugi ridete?

— Mia edzino, Katja, la unua, kaj ankoraŭ multaj... Ili ĉiuj amis min, kaj ĉiuj forlasis min. Kial?

— Mi scias. Mi estas tro malfermita. Mi ne povas kaŝi miajn sentojn. Mi similas al apudvoja pomarbo: migrantoj venas, migrantoj foriras. Preteriras. Ĉiu prenas el miaj fruktoj, ripozas iom por refreŝiĝi kaj poste kruelmane ĉizas en min sian nomon. Kaj ĉiu foriras kaj forgesas la pomarbon. Kaj la pomarbo staras en ventego, sunbrulo, pluvego, atendante novajn migrantojn, ĝis, fine, ĝi falos en apudvojan fosaĵon kaj mizeruloj sin varmigos ĉe ĝia fajro.

— Ĉu longe mi devas atendi je la ripozo en fosaĵo? Kaj ĉu troviĝos mizeruloj, kiuj ĉe mia fajro varmigos siajn frostotremajn animojn? Jes. Mi esperas. Mia amo ne povas neniiĝi.

— Mia amo! Kiel ĝi doloras! Ho, *la plej granda doloro estas ami la homojn*. Ami ĉiujn, ĉiujn senescepte. Frenezulo, mi, kiu enamiĝis al la homaj animoj! Sed ankaŭ ili amas min. Ili ĉiam malfermiĝas, se mi parolas al ili! Kiel bela estas la homa animo! Ĉu ekzistas io pli bela, pli majesta? Templopordo malfermiĝas, kiam ĝi manifestas sin. Kaj en tiu ĉi templo oni lernas ami Dion. *Ami kaj ne timi Lin.* Ĉu ekzistas malbona homo? Ne, nur erarvaganta. Se mi estus superhome potenca, ke mi povus montri al tiuj ĉi malfeliĉuloj la vojon, kiun ili perdis, la vojon al la propra animo!

— Kiel granda, kiel dolore granda estas mia amo, kaj tamen — kiel malforta! Ĉu mi do povis montri iam al iu tiun vojon? Ĉu entute estas eble konduki iun al tiu vojo? Eble ĉiu devas mem fari la penan lukton tra la dornaĵoj de la vivo, ŝlimo de interesoj, marĉo de sociaj mensogaĵoj, por trovi ĝin. Kaj kiom da animoj mortvundas la dornoj, englutas la marĉo! Kiom da animoj, destinitaj por noblo, svenas en la serĉo, dum la senanimaj korpoj, kvazaŭ vermoj, mordas unua la alian por — peceto da algo.

— Kaj ankaŭ mi mem. Ĉu mi ĉiam povis resti homo, vere homa homo. Ĉu mia animo ĉiam gvidis, neniam estis sveninta en la senbridiĝinta korpo? Kaj eĉ, se ĝi venkis kontraŭ la korpo, ĉu tiu ĉi venko ne kostis ĝian tutan forton, ofte ĝis elĉerpiĝo?

— Katja, Katja! Kara, kulpa, bona, dolĉa, dolora Katja! Kie vi estas... ĉu vi tamen trompis min? Ĉu mi laste vin vidis en mia nokta sonĝo? Terura sonĝo: tiuj sangantaj koroj, kaj ŝi, sufokiĝanta en sango. Mi ne estas superstiĉa, tamen...

En la koridoro tintis ŝlosiloj. Oni portis lian manĝaĵon: duonfunto da pano kaj brasiksupo. Johano alparolis la gardiston:

— Kiam mi liberiĝos?

La gardisto eklevis la ŝultrojn. Tamen, post momento, li diris.

— Eble vespere. Hodiaŭ multaj foriros. Pli ol ducent. Verŝajne ankaŭ vi.

— Pli ol ducent? Kiel estas eble? Hodiaŭ mi aŭdis tra la pordo: La revizio finiĝis, ĉiu politika arestito estas libera. Kaj nun... vi diras ducent... oni min eĉ ne vokis.

— Mi ne scias. Eble vi ne estas politika arestito.

— Sed mia amiko, arestita pro sama kaŭzo, jam liberiĝis! — diris Johano preskaŭ krie.

— Ne mia afero! — kaj la gardisto jam estis ekster la pordo. La ŝlosilo knaris. Johano saltleviĝis, kuris al la pordo, frapegis ĝin kaj krie postulis.

— La inspektoron. Venigu la inspektoron.

— Ne kriaĉu, he! — diris la gardisto. — Mi raportos. Li venos, se li volos.

Kaj Johano aŭdis kiel forsonas liaj paŝoj sur la ŝtonplanko de la koridoro.

Li sidiĝis sur la litrando kaj atendis, kun altrudita pacienco, la vesperon. Hodiaŭ vespere ja devas fine okazi io.

Fine vesperiĝis.

Subite estiĝis vigla bruo en la koridoro. Laŭta parolo, nomvokoj, sloŝiltinto, pordoknaro, nombraj paŝoj irantaj de unu koridoro al la alia. La bruo proksimiĝis, preterpasis, ĉesis. Ree nenio pri li.

Nun li ekaŭdis bruon en la korto. Li iris al la fenestro.

Viroj en civilaj kaj soldataj vestoj, virinoj junaj kaj maljunaj, infanoj kolektiĝis tie inter ŝnurkordono. Kelkaj staris silente, kun obtuza spito sur la vizaĝo, aliaj ploris, kelkaj blasfemoj sonis, kelkaj surdaj ĝemoj. Infano premis sin treme al la genuoj de ploranta patrino. La ŝnurkordonon tenis soldatoj armitaj, je kelka distanco staris grupo da kozakoj, surĉevale.

Nun la kozakoj, per blasfemaj krioj kaj skurĝobatoj vicigis la arestitojn po kvaroj. Kaj la funebra procesio ekiris. Skurĝo instigis tie kaj tie ĉi lacan postrestinton. La korto malpleniĝis.

— Pri tiu ĉi liberiĝo parolis do la gardisto! — diris Johano raŭke pro ekscito. — Kien oni portas la malfeliĉulojn?

Longe lin premis tiu ĉi demando sur la lito, kien lace li ĵetis sin. La palajn lunradiojn estingis nubo, la ĉelo mallumiĝis. Li ekdormis.

Ĉirkaŭ noktmezo li vekiĝis pro ŝlosiltinto antaŭ la pordo. Kun ekbatanta koro li sidiĝis, poste saltleviĝis. Kiu venas? Ĉu Katja, fine Katja? Mallerta gardisto, li ne trovas la ĝustan ŝlosilon! Nu, fine!...

En la pordaperturo aperis la gardisto, kun lanterno en la mano kaj malantaŭ li alta, maldika figuro — Morozov. Li, post enpaŝo, elsendis la gardiston per mansigno.

Johano ne povis kaŝi la senton de malagrabla surprizo, ĝi reliefiĝis sur lia pala vizaĝo, ankoraŭ pli pala pro la flava lumo de la oleolampo, kiun la gardisto lasis en la ĉelo.

— Ĉu vi ne atendis min, sinjoro Bardy? — eksonis ironie tirate la raŭka voĉo de Morozov.

Ili staris, ambaŭ tre palaj, unu kontraŭ la alia. Johano ne respondis. Dum momento li rememoris ĉion aŭditan pri tiu ĉi viro. Laŭ la vortoj de Fiza, li estis homo trompita, malfeliĉa; laŭ Katja, ordinara fripono. Li mem ekkonis lin bonkora, tre ĝentila, ĉiam interesiĝanta pri idealaj aferoj.

— Vi ne respondis, sinjoro Bardy, — sonis ankoraŭ pli tirate, pli moke. — Mi kuraĝis vin demandi, ĉu vi ne atendis min? Eble la demando estis malĝusta. Alie mi estus devinta ĝin formi. Ĉu *ne min* vi atendis, sinjoro Bardy?

— Ne! — respondis Johano subite, krude, ekkoleriĝinte pro la superema, nekompreneble moka tono.

— Do, mian edzinon vi atendis. Ĉu ne, sinjoro Bardy?

— Jes! — eksonis same krude kaj spite.

Tiu ĉi sentima spito embarasis la edzon. Li silentis iom da tempo. Poste. kun subita mangesto, li proponis sidlokon sur la lito.

— Ni parolu trankvile, sinjoro Bardy! — li diris, ŝajnigante kvieton, sed kun malmulta sukceso. — Ne ekscitiĝu. Jen, mi estas trankvila. Kvankam mi havus pli grandan kaŭzon por ekscitiĝi.

— Ĉu mi estus tiu kaŭzo?

— Jes! — diris Morozov preskaŭ krie, raŭke, kun kolera ekflamo en la okuloj.

— Mi ne komprenas, — diris Johano, nun tute trankvile. — Mi neniom pekis kontraŭ vi. Vi fidis min, almenaŭ vi montris, ke vi fidas. Nu, mi tute ne trompis vian fidon.

— Jes, jes, vi ne trompis, vi diras. Sed mi venas nun de mia edzino. Ŝi konfesis...

— Ne pli, ol kiom vi bone sciis jam antaŭ via rifuĝo! — interrompis nerve Johano. — Ion plian ŝi ne povis konfesi, ĉar io plia ne okazis. Mi povas vin kontraŭrigardi kuraĝe kaj sen honto. Vi ne rajtas kondamni min.

Morozov longe, trapike rigardis en la fiksrigardaj okuloj de Johano. Post longa momento li tre akcente prononcis.

— Ĉu vi ne amas mian edzinon?

Johano silentis, ĉu pro konfuzo, aŭ pro kompato, li mem ne sciis. Morozov tiris sin al li pli proksimen.

— Ne necese respondi. Via silento parolas sufiĉe elokvente.

— Eble vi tamen malkomprenas ĝin, sinjoro, — ekparolis nun Johano. — Via edzino konfesis al vi, ke ŝi amas min. Kaj mi — ĉu mi konfesis eĉ al mi mem, ke mi amas ŝin? Sed tio por vi ne gravas. Por vi gravas nur, ke mi ne ofendis vian edzan honoron. Se mi estus ĝin ofendinta, ankaŭ tion mi konfesus. Vi ja devus rekoni, ke tre peze estas longe lukti kontraŭ sentoj kaj rezisti proprajn sentojn, *je kio vi devigis min.* Kaj tute neeble estas revivigi mortintajn sentojn, precipe se oni intence mortigas ilin.

Morozov ekridegis malice.

— Ha, jen! Vi ja aludas! Vi ja akuzas! Apostoleto! Ha-ha-ha! Aĉa krimulo!

Je la neatendita insulto Johano saltleviĝis kaj ekstaris kontraŭ Morozov kun pugniĝintaj manoj. La eksaltinta Morozov ekkaptis lian batantan brakon, liaj okuloj kvazaŭ fosforeskis. La tuŝo rekonsciigis Johanon, lia brako malleviĝis. La prokuroro delasis ĝin.

— Pli prudente tiel! — li diris kun malica rikano. — La gardisto ja estas antaŭ la pordo. Nur trankvile. Ni ankoraŭ ne finis la kalkulon.

— Mi havas kun vi nenian kalkulon! — diris Johano malŝate.

— Nu, do mi faros ĝin sola. Ne forgesu, ke ne nur edzo, ankaŭ prokuroro mi estas. Ĉi tie mi ordonas. Kaj en revoluciaj tagoj kiu postulos de mi respondon pri malaperinta militkaptito?

— Via konscienco.

— Lasu ĝin, apostoleto, lasu ĝin. Nun ne temas pri ekleziaj aferoj. Pri via trompo nun temas. Pri via rabo. Pri via edzinrabo...

Johano volis interrompi, sed post la unua silabo Morozov ekkriis.

— Silenton! Mi parolas! Ne hipokritu nescion, nekomprenon! Vi ja scias ĉiun sekreton de mia familio...

— Ĉu tio do estas mia kulpo? — kriis Johano malestime.

— Ne, ne nur tio. Mi diros al vi, se vi vere ne scias. Ne diru, ke mi kondamnas vin sen tio, ke vi scius pri via kulpo. Mi diras al vi malkaŝe, ke mia edzino, la beleco de mia edzino, estis delikata frandaĵo por multaj. Ĉu vi aŭdas? Por multaj!...

Johano sentis teruran abomenon. Apenaŭ li povis reteni sin de tio, ke li forviŝu per pugnobato la mucidan rikanon de tiu taŭzita buŝo el kiu sible nun venis la vortoj plu.

— Por multaj! Por multaj!... Sed vi ne volis tiun frandaĵon. Vi volis pli! Vi volis ŝian animon! Vi rabis ŝian animon el mia potenco. Vi vekis ŝin el mia hipnoto... Kaj vi neglektis ŝian belan, pekan korpon... krime neglektis...

— Sinjoro Morozov! Vi ne scias, kion vi parolas! — ekriis Johano konsternite, terurite en sia morala sento.

— Ha-ha-ha! Preskaŭ la vortoj de Kristo! Nu, konsterniĝu do ankoraŭ pli. Nun egale jam. Vi ja scias jam tro multe, tro multe, eksciu do ĉion! Jes! Per ŝia beleco mi atingis pozicion! Jes! Per ŝiaj intimaĵoj mi eksciis gravajn sekretojn, per

## *La faŭno ludas*

*Se junan faŭnon arbar' enuigas,*
*Li salte tra herbej' al lago kuras,*
*Kie en vent' subtile kan' susuras.*

*Dum nokt' sin levas el malseka tero*
*Ĉielon foran ore ŝtalumitan*
*Nebul' senforma, blanke vualita.*

*Sin levas al ĉielo malhelblua*
*La kant' malgaja kaj serena*
*El faŭna flut'. Kaj sopirplena*
*Ĝi strange sonas kaj ebrie.*
*Aŭdante ĝin stelaro ploras.*
*Florar' ĉirkaŭe bonodoras.*

*La nimfojn en la tempo vekas*
*De l' flut' mistera melodio*
*Kaj nekonata, sorĉa io*
*Al danc' potence ilin pelas.*

*Nun palarĝente ŝutas luno*
*Sur korpojn alabastran lumon,*
*Dum malrapide en rondo*
*Paŝas la blankaj virinoj.*
*Plaŭdas ondo,*
*Sonorile torentas la fonto.*

*Sur ŝton' surborda inter kano*
*Sidas la faŭn', en lia brusto*
*Ŝvelas sent' ia nekonata;*
*Eble adoro, eble amo.*
*Svene aromas floroj, ter' vaporas. —*
*Li eke rompas fluton, —*
*Kaj ekploras.*

*La faŭno ludas...*

*Stanislavo Zausmer*

ŝia korpo mi faligis malamikojn, akiris potencon. Kaj ŝi havis ja ŝian parton el mia riĉo, pozicio, potenco! La korpo, la eksterajo ne gravas. Sed la animon mi tenis! Sange mi punis ĉiujn, kiuj aspiris je ĝi, vi certe aŭdis pri tiuj viroj. Ŝia animo estis mia sklavo, eĉ, mia ilo. Kaj tiam venis vi, apostolmaska vulpo, kaj per via hipokrita pureco, mensoga abnegacio vi glitigis tiun animon el miaj manoj. Kaj subite mi devis vidi, ke ŝi ne obeas plu, eĉ, ke ŝi abomenas min kaj sin. Ŝi minacis min per skandalo, per malkaŝo de ĉio, se mi ordonas ion kontraŭ ŝia „moralo". Ŝi ĵuris detrui ĉiun frukton de mia multjara peno, pozicion, honoron, potencon, ĉion, *se mi tuŝas vin* eĉ per fingro. Ŝi konfesis al mi ŝian amon al vi! Ŝi ĵetis rekte al miaj okuloj, ke mi estas krimulo, kiun ŝi abomenas! Nun vi scias, kial mi ne rifuĝis kune kun ŝi. Ŝi ĵuris je la vivo de sia infano, ke neniu plu tuŝos ŝian korpon, ĉar ĝi apartenas al vi sola! Al vi, kiu ne volis ĝin havi, kaj kiu per ĉi tiu abomena sinreteno hipnotis ŝin, detruis mian familian vivon, rabis el mia potenco ŝian animon... Ho, kiel mi atendis tiun ĉi momenton, kiam mi povos fari la finkalkulon!...

Johano komence konsternite aŭdis tiun ĉi palan, furioze gestantan viron. Sed poste, ĉiam pli kaj pli vive, aperis antaŭ li la imago de la amata virino. Imago pli kaj pli pura, pli kaj pli brila. Imago pri la estaĵo, *al kiu li sukcesis montri la vojon al la temploperdo de ŝia animo.* La amo, la dolora amo, nun fariĝis en li triumfa, kaj tiel plenplenigis lin, ke du grandaj larmogutoj ekpendis sur liaj okuloj. Kaj duonkonscie, tre kore kaj varme li flustris antaŭ sin.

— Mi amas ŝin.

— Ĝuste tial mi venis! Aŭdi amkonfeson! — ekridegis Morozov, kaj liaj dentoj ekblankis furioze.

La ridego rekonsciigis Johanon. Trankvile li krucmetis la brakojn.

— Kion vi volas?

Ankaŭ Morozov krucmetis siajn brakojn. Li rikanis plu.

— Mi ne mortigos vin. Mi estas pli homa, ol vi kredis. Vi amas ŝin. Vi forprenis ŝian animon. Havu do ankaŭ ŝian korpon.

Johano restis trankvila. Li ripetis.

— Kion vi volas?



*M. K. Ciurlionis* *Ĥaoso*

— Mi volas, ke la geamantoj havu ŝin. Anime kaj korpe. Ĉu ne ideale? Agrablan nupton mi volas aranĝi en la ĉelo. Intiman duopon. Mi estos superflua, certe!

La tranĉa tono de la parolo tremigis Johanon per turmenta antaŭsento. Malfacile venis la vortoj el lia kvazaŭ kunpremita gorĝo.

— Kiel vi komprenas?...

— Laŭvorte, sinjoro, laŭvorte. — Kaj Morozov, ekbatante la pordon, elkriis. — He, Lukiĉ! La belan fianĉinon! Rapide! Sinjoro fianĉo malpaciencas!

La pordo larĝe malfermiĝis. Johano atendis spirretene. Paŝoj sur la koridoro. Soldato sur la sojlo. Sur la brako — virino, pupe rigida... en fianĉina kostumo... Katja!...

Morozov saltis, ekkaptis ŝin. Ĵetis ŝin en la brakojn de Johano.

— Prenu ŝin! Havu ŝin!

Johano kaptis ŝin, falantan. Rigida, peza korpo, vaksflava vizaĝo kun rigida, malgaja rideto, glacia malvarmo de la manoj...

Johano estis paralizita, rigardis ŝin kun duonfreneza mieno, rigidaj okuloj. Poste, terurite, li ekskuis ŝin.

— Katja... Katja... kio okazis... Katja... Katja...

La lastaj vortoj estis sufokataj de premo en la gorĝo.

Morozov, kun plektitaj brakoj staris en la pordo, kun ligne rigida vizaĝo. Ekstere tondris. La soldato faris krucsignon, kun ekklakantaj dentoj.

Post longe Johano moviĝis, malrapide, pezeme. Levis la kadavron sur la brakojn, portis ŝin al la lito, sternis ŝin milde, ekgenuis apud ŝi. Nun aperis la unuaj larmoj en liaj okuloj.

— Katja... Katja... mia... — kaj la voĉo dronis en singulta ploro.

Nun Morozov ekridis freneze.

— Ĉu vi aŭdas Katja? Kial vi ne respondas? Kolombumas la fianĉo! Ha-ha-ha!

La rido subite ĉesis. Stertore li ekkriis.

— He, Lukiĉ, Skurĝu ilin! Skurĝu tiun ĉi rabiston.

Ekstere ekfulmis. La soldato falis surgenuen, kun oftaj krucsignoj.

Li ŝiris de lia zono la seprimenan skurĝon, levis ĝin.

— Malkuraĝa hundo! Vi timas! Mi ne!

Akra ekkrako kun surdiga tondro ekskuis ĉi momente la tutan domon. Poste dua ekfulmo, tuj poste skua ektondro tranĉe akra. Grandaj gutoj ekfrapis sur la fenestro.

El la mano de Morozov falis la skurĝo. Liaj okuloj kun superstiĉa timo fiksiĝis al la mortinto. La okuloj de Katja nun estis *malfermitaj.*

— La okuloj... la okuloj... — li kriis terurite. — Eĉ nun ŝi defendas lin...

La soldato ekrampis surgenue al Morozov, petegante.

— Ne tuŝu ilin! Dio ne volas! Ne tuŝu ilin!

Kaj Morozov, kvazaŭ fulmofrapite, haltis. Lia rigidiginta rigardo fiksiĝis al tiuj okuloj. Tiuj okuloj. Tiuj vitraj bluaj okuloj kvazaŭ hipnotis lin. Froston li eksentis en la spino, ektremis liaj lipoj. Ĝuste tia li vidis ŝin en la sonĝo.

Peze li leviĝis, ektuŝis siajn tempiojn. Poste, ne rigardante al Morozov, li diris per tute senkolora voĉo.

— Vi mortigis ŝin.

Morozov ekskuiĝis, kvazaŭ vekite.

— Ne! En la batalo oni mortvundis ŝin.

Nun Johano levis la kapon. Lia vizaĝo estis tre pala kaj tre dolora. Kaj en tiu ĉi sinforgesa doloro estis tia digno, ke Morozov preskaŭ timis. En lia ekskuita animo nun ĉio estis konfuza, necerta. Kaj la muta, sed videble terura doloro de tiu ĉi fremdulo, kiun li venis puni, alspiris tiun ĉi ŝanceliĝantan animon.

Johano turniĝis al la mortinto, rigardis ŝin longe tra larmovualo. Jen, ŝi ekiris sur la vojo, kiun li montris, kaj ŝi mortis dumvoje. Kaj *ĉu ne ĝuste tiu ĉi vojo mortigis ŝin. Ĉu ne li nem, li mem mortigis ŝin per tio, ke li miksiĝis en ŝian vivon?*

Kaj Johano, la revohomo, la senenergia militkaptito, la eterna skrupulanto, nun subite eksentis teruran respondecon pro tiu ĉi morto. Kaj, en sia animskua doloro, li kvazaŭ rifuĝis al tiu ĉi konsciensriproĉa sinakuzo. Li klinis sin, kaj tre milde, pardonpete kisis la frunton de la mortinto. Poste li turnis sin al Morozov.

— Vi estas prava. Mi estas kulpa. Punu, kiel vi volas. Mi mortigis ŝin.

Morozov mute, senkomprene rigardis lin.

— Punu kiel vi volas, — li ripetis. Vi estas prava. Mi estas la kaŭzo de ŝia morto.

Morozovon tute embarasis tiu ĉi trankvila rezigno. Li ne povis elteni la puran, profundan rigardon de Johano. Tiu ĉi submetiĝo, tiu ĉi sinakuzo, tiu ĉi soifo je pentofaro, pro kulpo, kiu, nun li konfesis, kio tute malarmis, eĉ hontigis lin, kaj vekis en li miron, respekton, kvazaŭ simpation.

— Kiu do vi estas? — li balbutis konfuze.

Johano rigardis meditante antaŭ sin. Vere, kiu li estas? Li rememoris sian imagon pri la apudvoja pomarbo. Venenan frukton nun havis tiu arbo. Ŝi mortis, ŝi mortis, ĉi tiu scio nun ree ekfrapis lin, kvazaŭ fulmo. Kaj li eksentis turmentan soifon je korpa doloro, en kiu dronus tiu ĉi anima turmento. Puniĝon, pezan puniĝon li sopiris, li sopiris esti brute traktata de skurĝoj, por ne senti, ne dolori plu anime. Kaj li flustris, plie al si mem.

— Kiu mi estas? Neniu, jam neniu. Militkaptito. Mi estas en viaj manoj. Punu min, mi petas, punu min.

— Kion vi volas? — balbutis Morozov ankoraŭ pli konfuze.

Johano rememoris pri la malĝoja grupo skurĝata de kozakoj. Ho, tio estus savo por li: dividi ilian kruelan sorton.

— Sendu min kun tiuj arestitoj, kiujn vespere oni eskortis de tie ĉi! — li diris firme.

— Ne eble! — ekkriis Mozorov. — Vi ne scias, kien ili iras.

— Egale. Mi petegas, sendu min kun ili.

— Punlaboro atendas ilin.

— Egale! Sendu min kun ili.

— Ili vojaĝos per la plumbita mortvagonaro.

— Egale! Sendu min kun ili.

Morozov ektremis. Tiu ĉi firma decida obstino kvazaŭ sugestiis lian konfuzitan animon. Li rememoris pri sia intenco. *Ĝuste tion li volis.* Sendi lin kun tiu vagonaro, plumbfermitan, *kune kun la mortinto.* Kaj nun — ruĝiĝis liaj vangoj. Li ekhontis pri sia vandala plano.

— Mi volus iri kun ili! — ripetis Johano kun malespera obstino.

Morozov rigardis lin, poste la mortinton. Kaj en liaj okuloj aperis io neatendita: larmoj.

Johano ekvidis ilin. Nun li rekonis la grandan krizon, kiu okazis en la animo de la prokuroro. Kaj li, kompatinda suferanto, pleniĝis subite per kompato. Li paŝis al Morozov kaj ekprenis lian manon.

Je la tuŝo de lia mano li ekskuiĝis. Ĝi kvazaŭ bruligis la lian. Kaj Johano denove diris.

— Sinjoro, se vi volas fari ion bonan, sendu min kun ili. Mia vivo estas sencela. Kaj mi ne povus vivi plu tie ĉi.

Morozov kun levita kapo ĵetis sian dorson al la muro de la karcero. Tra sia ekmordita lipo li diris per voĉo abrupta pro emocio.

— Iru, se vi volas. Lukiĉ vin gvidos. Lukiĉ, gvidu lin... al la stacidomo... al la mortvagonaro.

— Mi dankas, — flustris Johano premante lian manon.

Li paŝis al la lito. Dum longa momento li rigardis tiujn malfermitajn okulojn, tiun rigidan rideton ĉirkaŭ la lipoj. Li rigardis per sia tuta animo, kvazaŭ por ensorbi kaj konservi por ĉiam tiun karan, karan vizaĝon. Poste subite li turnis sin kaj preskaŭ kure iris el la ĉelo. La gardisto sekvis lin.

Morozov restis longe senmova apud la muro. Poste per ŝanceiaj paŝoj li ekiris al la lito. Time li ekrigardis la mortinton.

Kio okazis al li? Kie jam estis la stube bruta venĝemo? Kio ekŝvelis en lia brusto, kia nekonata sento? Ĉu kompato? Ne, io pli ol kompato tordis nun lian koron dolore, dolore.

Kaj apud la rigida korpo, apud la viktimo de la amo, li falis sur la genuojn. Kaj nun, tre klare, kun turmenta klareco li ekkonsciis pri tiu sento, kiu estas pli ol kompato.

— Katja, Katja, — li ĝemis. — Nun mi *komprenas* vin. La krimulo estas nur — *mi*...

— — — — — — — — —

Blinda mallumo super la rivero. Ekflavas fulmo. Poste mallumo ankoraŭ pli blinda.

Oreltranĉa ektondro supersonas akran plaŭdon de verŝiĝantaj pluvamasoj. La boato jam estas duone plena de akvo.

Nun ĝi ekskuiĝas: ĝi atingis bordon.

Fiza ĉe lumo de fulmo ekvidas momente la pluvegfrapatan kampon. Fantome dezerta ĝi aspektas en la flava lumo.

Ŝi premas ion en la manon de la fiŝkaptisto.

— Kien vi iras? Ne eble lasi vin... — ekkrias la maljunulo.

Li palpas pri ŝi en la mallumo.

Fulmo ree.

Ŝi jam ne estas en la boato. Ŝi prenis direkton. Ŝi iras.

Ŝi iras; ŝi kuras. Ŝi ekglitas. Falas. Leviĝas. Kuras plu. Tra la kampo, tra la kampo.

Ĝisharte malseke, ŝmirite de koto, ŝanceliĝante pro laco, duonkonscie pro febro.

Kien?

Ŝi mem ne scias. Ŝi scias nur, ke ŝi devas, nepre devas helpi. Kiel? Iel ajn! Ŝi devas rapidi, rapidi.

La unuaj domoj. Palaj stratlanternoj luktas kun la mallumo. Jam pli maldense pluvas.

La malliberejo. Timige malluma. Silenta. Senviva.

Lace ŝi apogas sin al ĝia muro, senkonsıle.

La pluvo tute ĉesis. Freŝa ventspiro tuŝas ŝian malsekan frunton. Ŝi ekpensas pli klare.

Kun la prokuroro ŝi volis paroli. Tiatempe li estas hejme. Ŝi ekiras.

Nun ekknaras la granda pordego de la malliberejo. Iu elvenas.

Viro. Kun klinita kapo, lacaj trenataj paŝoj. La lanterna lumo falas sur lin. Dio! Tiu ja estas li... li... Morozov.

Li iras apud la muro, Fiza eksekvas lin. Ŝi ekrapidas, preterpasas lin. Ree ŝi postrestas. Morozov nenion rimarkas, iras kun pendanta kapo.

Subite Fiza, kun malespera kuraĝo, baras al li la vojon.

— Sinjoro Morozov! Je ĉio al vi sankta mi petegas, diru, kio estas al sinjoro Bardy? Ĉu li vivas?

Morozov haltis. Levis la kapon. Obtuze, fremde sonas lia voĉo.

— Kiu vi estas?

— Ne grave, knabino. Stratvagulino. Ne grave. Mi petegas, respondu. Ĉu li vivas?

— Jes, trankviliĝu. Ĉu vi estas lia amatino?

Lia voĉo vigliĝis. Lia malbona memo, ĝis nun sveninta, re-



*M. K. Čiurlionis* *Sonato de la Maro*

levis sian kapon. Jen estas do, li pensis, klarigo pri tiu grandioza amrezigno rilate lian edzinon. Kaj subite — li ekkoleris. Lin kaptis teda sento de trompiĝo, seniluziiĝo.

— Vi estas lia amatino, — li ripetis krude, forte ekpremante ŝian brakon.

Fiza dolore ridetis.

— Li ne havas amatinon, li estas sankta homo. Li amas ĉiujn homojn, senescepte, ankaŭ vin, sinjoro Morozov.

Kaj Morozov ree eksentis tiun respekton kaj miron, kiun antaŭe en la ĉelo.

— Kvazaŭ ni aŭdus mian mortintan edzinon! — li flustris.

Fiza ekkrietis.

— Dio! Kion vi diras! Via edzino... mortis! Vi... vi... mortigis ŝin... Kaj Johano?

— Bolŝevika kuglo ŝin mortigis. Kaj li — lin mi devis forsendi. Li devigis min, ke mi lin forsendu...

— Kien, kien? Dio... Ĉu mi neniam vidos lin?

— Al Ruskij Ostrov.

— Granda Dio! La mortvagonaro.

Ŝi ekŝanceliĝis, falis duonsvene al la muro, se Morozov ŝin ne kaptas, ŝi falas. Poste, subite, ŝi ĵetis sin antaŭ lin, kun preĝe kunmetitaj manoj.

— Sinjoro, sinjoro, kompatu min! Sendu kun li ankaŭ min. Kompatu min.

— Vi estas freneza. Li iras por punlaboro. Vi ne estas kulpa.

— Ho— kaj, ĉu li estas kulpa? Kaj kion vi diras? Ke mi ne estas kulpa! Vi eraras. Mi estis ruĝa soldato, mi batalis kontraŭ vi, ĝis la lasta momento mi pafis per la maŝino. Mi estas vundita, ĉu tio estas sufiĉa pruvo? Jen, mi estas vundita.

Morozov ekskuiĝis. Li rememoris sian edzinon. Ankaŭ ŝi same ekstaze staris kontraŭ li, pro la sama viro. Lia koro premiĝis.

— Iru hejmen, knabino, kaj evitu min. Mi ne volas scii pri via kulpo, — li diris ekirante.

Fiza volis postiri, sed ŝi stumblis kaj sterniĝis sur la kota tero. Malespere ŝi kriis post lin.

— Kruela! Kruela! Vi ne kompatis min. Dio vin batos!

Je la malesperaj krioj Morozov revenis. Pripensis minuton. Poste li ekprenis ŝian manon.

— Bone! Venu!

Kaj ili ekrapidis. Strato post strato. Terure longa vojo. Malproksima fajfo. Jam vidiĝas la stacidomo. Ili alvenas.

Vagonaroj sur la reloj.

Morozov iras al la kommandanto. Fiza post li.

— Ĉu la vagonaro al Ruskij Ostrov?

— Ĵus foriris.

Malespera ekkrio. Fiza kuras sur la relojn. Malproksima ruĝa lampo. Nun ĝi malaperas. Mallaŭta formortanta klakado de radoj. Li iras for tie!... Li iras for!...

Fiza sin jetas sur la relojn kun freneza ekkrio.

— Neniam plu!... Neniam plu!...

(FINO)

---

# LA VIVOVOJO DE ELINJO BALOG

ROZALIO BENDRE

Ankaŭ ĉi tiu historio komenciĝas tie, kie komenciĝis jam multe da grandaj kaj malgrandaj historioj, — ĉe la kudromaŝino, kiu nun atingis la zeniton de sia alte arkanta kariero. — Sinjorinaj moŝtoj kaj grandsinjorinoj de forkurintaj ekvipaĝoj movas ĝian pedalon. Ebriaj lipoj, kiuj eltrinkadis en rapida sinsekvo la pokalon de efemeraj ĝuoj, gustumadas apud ĝi la panon de sobreco.

La vojo de Elinjo Balog gvidis rekte al la kudromaŝino, ĉar jam en ŝia dekdua jaro sidigis ŝin la patrino apud ĝin.

Farinte ĉi tion, ŝi rakontis al sia filino, kion eble, neniu sciis krom ŝi. Ŝi rakontis, ke la kudromaŝino estas ne nur monotone klakanta maŝino, sed io simila al multe babilanta amikino, kiu rakontas, ĉiam rakontas: kaj tiuj ĉi fabeloj laŭ la formo kaj strukturo de la maŝino kaj laŭ la delikateco de la manoj manipulantaj pri ĝi, estas tre-tre multspecaj.

— Kion rakontas tiu ĉi kaduka, malnova maŝino al mia kara patrino? — demandis la filino.

— Al mi jam nur la ĉiutagajn devojn ĝi rememorigas — respondis ŝia patrino. Se dum tagoj mi ne sidiĝas apud ĝi, tiam kvazaŭ per riproĉaj rigardoj ĝi avertas min:

— Virino, tre longe vi restadis hieraŭ la nomfeston de sinjorino Molnár! Ĉu vi ne vidis, ke vian fileton, Geoĉjon per kruda, perforta movo enlitigis la servistino kaj dume dissiriĝis lia ĉemizeto. Venu, kudru la ĉemizeton kaj alian fojon revenu ĝustatempe!

— Tiajn aferojn al mi rakontas la maŝino.

Kun larĝe malfermitaj okuloj Elinjo aŭskultis la parolon de sia patrino. Neniam ŝi estus kredinta, ke eĉ tiel malnova meblo, kiel ilia kudromaŝino, havas influon al la vivo de la virinoj.

Scivoleme ŝi sidiĝis apud la maŝino, atendante, kion ĝi klakos al ŝi? Longe ŝi observadis, ĝis fine ŝi ellernis, kiel oni devas ĝin trakti. Kiam ŝi jam sciis tion, majstre altranĉitajn pupvestojn ŝi kudris per ĝi kun multaj krispetoj. Post du semajnoj jam tian antaŭtukon ŝi portis irante al lernejo, kiun ŝi mem kudris.

Sed vane ŝi atendis, vane subaŭskultis dum la kudrado, eĉ nuran vorton ne diris al ŝi la maŝino, nur jen gaje, jen per malrapida, inerta movado ĝi vicigis la belajn, regulajn stebajojn.

La patro de Elinjo Balog estis distriktestro en malgranda urbeto. Tre bona lokiĝo estas tio ĉi en la vivo, sed sobran, firman animon ĝi postulas, kie, kiel ankaŭ ĉe gesinjoroj Balog, ses infanoj diradis samtempe la antaŭmanĝan preĝon post la patro. Kvin knaboj, unu knabino.

Kaj kiu kredus tion, ke la estonto de la kvin filoj ne maltrankviligis tiel la koron de ilia patrino, kiel tiu de la sola filino?

— Kiel kreskas tiu ĉi infano, — ŝi diris iun tagon al la edzo. — Post nelonge ŝi jam fariĝos fraŭlino. Kion ni komencos pri ŝi?

— Nenion, — respondis la edzo. — Sufiĉe bonan vojon ŝi pasas. Estas ĝoje rigardi, kiel ŝi turnadas sin en la kuirejo. Ankaŭ dimanĉe ŝi surprizis min per sia rozkolora vesto, ĉar mi tiel rememoris, ke nuntempe vi ne petis de mi monon por tio ĉi. Poste ŝi rakontis, ke vi aĉetis ĝin por la vendoprezo de tiu kortbirdaro, kiun ŝi bredis de printempo. Eĉ, krome ŝi mem kudris la veston. Pri la estonto de tia knabino oni ne devas maltrankviliĝi. Ŝi fariĝos laborema, bona edzino, kia vi estas.

La edzino de distriktestro Balog longe ĝemante turnis la parolon al alia temo. Post nelonge ŝi sidiĝis apud sia kudromaŝino, por daŭrigi la interrompitan laboron.

Estas nescieble, pri kio rakontis al ŝi la maŝino. Certe, pri la malgaja afero, ĉar rapide sinsekvaj ĝemoj ekflugis en la aeron laŭ la klakado de la maŝino.

Deknaŭ jarojn havis Elinjo Balog kiam iun aŭtunan tagon kun klakantaj paŝoj du laboristoj proksimiĝis al ŝia intima knabinĉambreto. Ŝia patro kondukis ilin. Delikatstrukturan, beletan, novan kudromaŝinon ili portis.

Je la nekutima bruo Elinjo elrigardis el sia ĉambro kaj kun demanda rigardo sin turnis al sia patro, kiu ridetante diris:

— Al vi mi ĝin aĉetis, filineto. Mi fordonis la malnovan, kadukan maŝinon. Tiu ĉi pli decas en via ĉambreto.

Elinjo tre ekĝojis por la beleta maŝino kaj tuj lokis ĝin proksime al la fenestro.

Kun sia brilanta, polurita eksteraĵo tre bone ĝi konvenis al la ĉirkaŭaĵo.

Post kelkaj tagoj la patrino de Elinjo aĉetis kelkajn plenvolvaĵojn da tolo kaj diris:

— Filino mia, nun ni komencas la kudradon de via dotaĵo.

— Ankoraŭ nenecese, — respondis Elinjo ruĝiĝante.

— Faras nenion, tamen ĝi estu preta.

Kiam ili altranĉis la tutan tolon, Elinjo sidiĝis en sia silenta ĉambresto, apud la nova maŝino. Kaj mirakloj de mirakloj! Apenaŭ la maŝino stebis kelkfoje, Elinjo surprizite rimarkis, ke la nova maŝino fabelas, babilas al ŝi...

— Elinjo Balog, vi estas bela knabino — tiel ĝi komencis. — Viaj okuloj estas brule ardaj, viaj haroj estas talaro, teksita el mole ondantaj silkfadenoj, nigraj, kiel la nokto. — Vi estas alta, hardita kaj forta. Via voĉo sonoras malproksimen, ĝia sonoro estas pura, kiel arĝenta sonorilo de kredantaj animoj. Via koro estas plena de kantoj. Kun viaj graciaj maleoloj vi turniĝadas dum la dancado, kiel neniu alia. Ne konvenas al vi tiu vivmaniero, kiu vin ĉirkaŭas. Kaj kio sekvos post tio ĉi? La sama silentritma monotoneco, kiu estis ĝisnune. Tiu ĉi ordinara tolo, kiun mi stebas nur pro la neceseco — fabelis plu la maŝino — ne indas tion, ke vi ĝin surmetu. Vian belegan talion devas kovri diafanaj gazoj, ebriigaj silkoj. Antaŭ via diina formo subiĝu centoj da viroj! Mi ne estas nova maŝino, nur oni kredigis vian patron, ke mi estas tia. Rigardu mian strukturon. Ĉiuj miaj partoj estas sentemaj kaj delikataj. Efektive mi suferadas pro la tuŝo de tiu ĉi tolo. Antaŭe oni kudris per mi delikatajn, diafanajn vualojn, bonodorajn vestomiraklojn por fama primadono. Mi scias, ankaŭ vi aŭdis, vidis ŝin ludi. Oni nomas ŝin Emma Kálnoky. Kiel oni adoris, ovaciis ŝin! Nun ŝi jam estas edzino de amerika milionulo. Ĉu vi aŭdas? De milionulo!... Sed ŝia beleco eĉ ne alproksimiĝas la vian. Ŝia voĉo neniiĝas apud la via. Elinjo Balog, rigardu vian patrinon! Jen ŝi ploras, jen ridas alrigardante vin. Ŝi bedaŭras vin, ke, kun tiom da ĉarmo, dia talento ankaŭ vi fariĝu nur tio, kio ŝi estas, — simpla virino...

Elinjo Balog la unuan fojon kudris per la nova maŝino. Apud la malnova, kaduka maŝino ŝi sentis sin feliĉa, sinkontenta. Tiu fabelis al ŝi neniam, nur simple servis ŝin. Kaj tiu ĉi nova maŝino jam ĉe la unua okazo renversis la trankvilecon de ŝia animo.

Ĉesigante sian laboron, ŝi iris antaŭ la spegulon. Malligis siajn korvo-harojn. Ridadis kaj kantadis, dum sin rigardis en ĝi.

— Vere, vere! — Bela mi estas kaj mia voĉo estas mirinda — febre ŝi murmuretis kaj plorante ŝi falis sur la bruston de sia patrino enpaŝanta.

— Elinjo, pro Dio, kio estas al vi? — demandis timiĝinte la patrino.

— Eĉ mi mem ne scias.

— Sed tamen, provu rakonti, kio ĉagrenas vin, kion vi sentas? Nu, filineto mia! — Kaj ŝi karesis ŝiajn korvoharojn.

Patrinjo, mi... mi volas fariĝi aktorino!

La patrino alrigardis ŝin konsterniĝinte kaj kun kvietiga voco ŝi diris:

— Ne ekscitu vin, filineto! Ni ja parolos ankoraŭ pri tio ĉi. Ordigu viajn harojn. Rigardu, jen letero. Jus sendis ĝin sinjorino Molnár. Ŝi petas, ke vespere ni vizitu ilin. Alvenis ŝia fratino, ni pasigu kune la vesperon.

Efektive, vespere ili iris al gesinjoroj Molnár. Kiam ili enpaŝis tra la pordo, agrablaj kantsonoj penetris al ili tra la fendoj de la kurtenitaj fenestroj.

Sinjorino Molnár kun granda ĝojo venis antaŭ ilin kaj kondukis ilin en la salonon, kie tiam stariĝis apud la piano bela, bruna virino, kiun sinjorino Molnár prezentis jene:

— Anna, mia fratino.

Kaj prenante Elinjon ĉemane, li kondukis ŝin en la alian ĉambron. Sana, rozvizaĝa suĉinfano pepadis tie ĉe la sino de sia nutristino.

— Kaj tiu ĉi knabino estas mia nevino, Manjo — diris sinjorino Molnár, kiam Manjo opiniis sin devigata ekpreni per siaj manetoj la harojn de Elinjo kliniĝanta super ŝin, kio elvokis ĝeneralan gajecon.

Malfermiĝis la pordo de la salono.

— Kie estas oĉjo Johano? — Kun tiu ĉi demando enpaŝis Kolomano Molnár, tridekjara frato de la edzo de sinjorino Molnár, kiu estis inĝeniero kaj jus venis hejmen de eksterlanda studvojaĝo.

Kiam lia rigardo falis sur Elinjon, kiu ridetis kun la infaneto, sur lia vizaĝo respeguliĝis agrabla surprizo. Plaĉis al li tiu ĉi knabino.

Kaj kiam nun Elinjo ĉion forgesinte, kun ĉarma senpereco sin okupis pri la infano, si ŝajnis al Kolomano Molnár, kvazaŭ efektiviĝanta revbildo kaj el lia serioza, vira animo la momento eligis grandan decidon.

— Tuj venos via oĉjo, — respondis sinjorino Molnár la forsonintan demandon.

Trezoron-de vivdirektanta sperto donis tiu ĉi vespero al Elinjo. Ŝi vidis virinon, pli belan ol si mem, posedantan ĉiujn didonacojn, kiujn ankaŭ ŝi posedis kaj kiam tiu ĉi virino kisadis sian infanon kaj parolis pri sia edzo hejme restanta, ŝi eligis el sia animo senton de alta estimo.

Post la vizito hejmenirante kun mallaŭta voĉo alparolis Elinjon ŝia patrino:

— Sinjorino Molnár diris al mi, ke siaj edzo kaj frato Kolomano morgaŭ venos al ni.

Laŭte ekbatis la koro de la knabino. Ŝi sciis, kio povas esti la celo de la vizito. Siajn lipojn alitempe parolemajn forte ŝi kunpremis kaj ankoraŭ pli proksimen ŝi premis sin al la patrino.

— Vi diris hodiaŭ, ke vi volas fariĝi aktorino, — daŭrigis la patrino, — ĉu tio estas via serioza decido aŭ nur forflugema sopiro?

En la animo de la knabino koloraj bildoj projektiĝis sur kaŝita, pura vitrotabulo, pri kies ekzisto ni nur tiam scias, kiam ni staras antaŭ grandaj decidoj. Kaj ŝi elvokis ĉi tiujn bildojn, kiuj estas la stacioj de pripenso.

Vualo de delikate asperganta, densa pluvo kovris la du virinojn, kiam post longa silento Elinjo ekparolis.

— Patrinjo, en mia dekdua jaro, kiam la unuan fojon mi sidiĝis ĉe la kundromaŝino, vi diris, ke la kudromaŝino kutimas fabeli.

— Jes, mi rememoras.

— Al mi la malnova maŝino nenion diris. Kial?



*M. K. Čiurlionis* *La urbo*

— Ĉar vi ne havis ĝis nun grandajn, malfacilajn devojn.

— Ĉi tiu mia nova maŝino ja ne estas nova. Kiu vendis ĝin, tiu trompis la kredemon de la patro.

— Kiel vi scias ?

— Tiel, ke sur la internan flankon de ĝia tegilo estas skribita per malgrandaj literoj : „Vendita al Emma Zálnoky".

— Al tiu kantistino, kiun ankaŭ ni vidis ludi en la ĉefurbo ?

— Verŝajne. Mi legis en la gazeto, ke ŝin edziniĝis ia milionulo. La meblojn ŝi vendis. Tiel reiris ĉi tiu maŝino al la vendisto, kiu, kiel novan, denove ĝin vendis. Mi ne bezonas ĉi tiun novan maŝinon! Ĝia strukturo estas tro delikata, taŭgas nur por tre malpezaj silkoj kaj ĝiaj fabeloj tiras malproksimen mian animon... Ni petos la patron, ke li reportigu ĝin por ŝanĝigi per tia maŝino, kiu ĉiuspecan materialon kudras kun egala honesto... Ankaŭ mi havu tian maŝinon, kia estis tiu de la patrino... Tia, kiu atentigu min ĉiam nur pri miaj devoj.

Jam pluvis en grandaj gutoj, kiam ili alvenis hejmen. Rapide ili eniris en la simplan varman hejmon, kie kun larmaj okuloj brakumis al si Elinjon la patrino.

— Benu la bona Dio vin, kara ! Nun jam trankvile mi atendos la morgaŭajn vizitantojn.

Kaj la koloraj bildoj fantomintaj en la animo de Elinjo Balog malaperis por eterne, ĉar kiu vokis ilin je lumo, ties vojo atingis finstacion : ŝi decidis pri sia venonta sorto.

---

# *KONVERTIĜO**

*Ah, mia preĝ' — nur ĝemo, vojon netrovanta:*
*nur nana ve' pro memfendita vund'.*
*Mi trene tiras jugon de la Tero vanta*
*kaj man' de B a a l min premas ĝis marĉfund'.*
*Jam mankas voj' el nokta blind' al taga lumo.*
*Ne hardis koron virtofajra ard'.*
*Malfruis la semant'. Senfruktas kora humo.*
*Ne greno kreskis, sed sarkinda kard'.*
*Vespero... Vibro de lanternaj lumoj tremas.*
*Ŝancele vagas mi sur strata voj'...*
*Sencelo tedas... Pensoj mute rekviemas*
*ĉe rubaltaro pri l' entomba ĝoj'...*
*Fantomoj venas: jen knabino el bordelo*
*min logas al volupta danca fest',*
*jen bruas brandhaladza kant' el gastejkelo*
*vokanta min al sia ranca nest'.*
*„For! For! Rifuĝu el ŝlimbuŝo vin glutonta!"*
*sed vane krias mi, ĉar mankas vol'.*
*Eĉ pento ne vekiĝas pro l' pasinto honta;*
*blasfemsemaĵo putras sub tavol'.*
*Do kien turni min? Ĉu venos kiu savas?*
*Ĉu ŝprucas fonto por la soifant'?*
*Kompato home estas „manon mano lavas"*
*moskita egoismo, pruda kant'.*
*La strata bril' konfuzas vidon de l' retino*
*kaj kun si rulas vin la lumlavang'.*
*Venenas la groŝkosta am' de stratknabino:*
*perfidon kaŝas la ŝminkita vang'.*
*Atendas tamen mi... Pri kio?... Jen enigmo.*
*Ne vokas hejm', ĝi kuŝas en ruin'.*
*Ne gardas la memfid', pereis jam la digno.*
*Frakasis ilin — strato kaj knabin'.*
*Nun pian psalmon portas la noktmeza vento:*
*„La veston ĵetu for! Ĝin kovras pek'..."*
*La ventflugilo zumas: „Vi, multpekinta gento,*
*Kristsango fluas por la kora sek'..."*
*La psalmo ploras kiel la signala tinto,*
*vokanta ŝipon el ondtomb' al rod'.*
*Al mi parolas voke ĝi, al v o j p e r d i n t o :*
*„Vin savos la korfunda pentklopod'..."*
*Hezite mi ekiras kaj ŝancele paŝas.*
*Postsekvas min la Pek' sur kotĉeval'.*
*Pasint' torturas, nuno korvipante draŝas*
*kaj mokas duba rid' de dio Baal.*
*Jen domo... Min haltigas lumo, orgenmuĝo...*
*Tra l' pordo sonas la kantanta ĥor'.*
*Invitas voĉ' virina al ĉiela juĝo:*
*„Al pentobenk' vin vokas la Sinjor'!"*

*„Ah, mia preĝ' — nur ĝemo, vojon netrovanta;*
*nur nana ve' pro memfendita vund'.*
*Mi trene tiras jugon de la Tero vanta*
*kaj man' de Baal min premas ĝis marĉfund',"*
*Sed diras ŝi: „Al pentobenko venu, frato!*
*Konsolon trovas la pentanta kor'*
*kaj levos ĝin eterna grac' de l' Dikompato.*
*Ne preteriru! Ne rapidu for!"*
*„Jam mankas voj' el nokta blind' al taga lumo.*
*Vesperto vidas nur en noktmalhel'.*
*Malfruis la semant'. Senfrukte kuŝas humo.*
*Perdiĝis inter kardoj ĉiu bel'."*
*Sed diras ŝi: „La pentobenko vin atendas.*
*Nun vokas Di', sed morgaŭ — eble ne...*
*La konvertiton la hieraŭ ne turmentas."*
*Mi spitas plu: „Ĉu kredi? Ne! Ne! Ne!"*
*Nur pluen! La migrant' survoje finas lukton*
*kaj falas kiel vermmordita fag'.*
*Sunbrila varm' ne dotas la malfruan frukton,*
*forskuas vento ĝin dum vintra tag'.*
*Moral' jungita estas monstro egoista.*
*Kun kotĉevalo vanas la batal'...*
*Do pluen!... Sed haltigas min v i z a ĝ o K r i s t a*
*kun sangaj vundoj kaj postmorta pal'.*
*„Do kien, filo? Nur ventanimeco en vi spitas.*
*Sofistaj pensoj flegas sen kurac'.*
*Do lasu for! La voj' de l'Ter' al senvojeco gvidas.*
*Despoto nutras sklavojn per minac'.*
*Do kien? Kredi timas nur la M a l k u r a ĝ o.*
*Eĉ dubi timas ĝi pri sia prav'.*
*Vi sekvu min! Reflektu en la ag' kaj saĝo*
*ĉielo mem: p a r d o n', frathelpa brav'!"*
*Foriĝis la aper', sed mi la voĉon konas.*
*El infanaĝo plendis unu kord'.*
*Al dubfrapita vir' miraklojn sort' ne donas;*
*infanan fidon fermas kripta pord'.*
*Mi tamen turnas min... Piedoj sin ekmovas.*
*La Disinjoro frapas ĉe l' anim'*
*kaj kvankam forte fidi, kredi mi ne povas,*
*la vorto „e b l e" nun instigas min.*
*Posi mi: elektra gurdo kri-muzikas,*
*tintante tentas glasfrapanta bru',*
*ebria diboĉul' pri „amliber'" predikas,*
*sed mi obstine iras... iras plu.*
*Apude la mortintan panjon nun mi vidas...*
*Ŝi ploras: „Vin hufbatos sortfuror'."*
*kaj el la dom' denove la virin' invitas:*
*„Al pentobenk' vin vokas la Sinjor'!"*

*Kaj iras mi plenfide... For vi peka vesto!*
*La nudan koron portos mi al Krist'.*
*Li donu novan veston por la nova festo,*
*la kriptan pordon fendis Lia pist'.*
*Kaj mia preĝ' — se ĝemo, sed jam vojhavanta:*
*aklama dankolarm', trovita V e r'.*
*Polviĝis la idol', naniĝis Tero vanta,*
*en koro jen: K o n s o l o kaj E s p e r'.*

*JULIO BAGHY.*

* Premiita dum la XI-a Int. Floraj Ludoj en Palma di Malorca.

# INTER LA DENTOJ DE DIO

MIHAELO BABITS

*Mia animo estas kvazaŭ kurioza frukto kiu eldonas iom post iom ĉiun sian guston kaj aromon inter la ŝirantaj dentoj de iu giganto. Kaj kelkfoje ŝajnas ke ĉi tiuj estas* **veraj dentoj.** *Kiam mi vagadis en Transsilvanio, en subalpa, malluma urbeto, kaj mi atingis la rokan altaĵon, kontraŭ la alpo — blankaj rokoj ili estis, solecaj blankaj rokoj, tute ekster la urbo — tiel malĝoje — —*

*Jam nenion estis eble vidi tie, nenion vivan, nur ĉi tiujn ŝtonojn, kaj pli sube la ruĝan kaj kalvan argilon, kaj supre sur la ĉielo la nubojn, kiuj kvazaŭ descendis je vesperkrepusko. — pezaj kaj krudaj, franĝaj, blankaj, masivaj nuboj estis. Malvarmaj estis la nuboj, — ĉio estis malvarva kaj kalva — ĉio estis tiel* **minerala,** *senviva — la tero, la rokoj, kaj tie supre ankaŭ la ĉielo, la masivaj nuboj, blanke, mi diras, inkrustitaj en la pli fora ruĝo de l'sunsubiro. La urbo, la vivo, estis jam tre fore kaj tre nenio, sensignifa, eta vundo de la tero, perdiĝinte, post ĉio. Ĉi tie mi mem estis varme viva, inter malvarmaj rokoj kaj malvarmaj nuboj, en eta indulgo-fendo, inter turanta tero kaj densa ĉielo. Inter alfermiĝanta densa ĉielo — ĉar jam preskaŭ falis sur min la nuboj. Ho, kiel gute eta, tremanta vivo mi estis en la senfino! Kaj fermiĝis sur min la densa, malvarma ĉielo. Ĝi venis pli proksimen kun siaj krudaj, blankaj nuboj kvazaŭ kun gigantaj, blankaj dentoj, el la ruĝa dentkarno de l'sunsubiro. Ho, teruro! malsupre ankaŭ la blankaj rokoj estis grandaj dentoj, en la mola dentkarno de la ruĝa tero. Mi iris sur la senformaj, breĉaj dentoj de giganto! Ho, teruro! la roko leviĝis, kaj la nubo komencis malleviĝi. Eta, varma vivo mi staris inter du grandaj, malvarmaj dentvicoj. Mole sur la dura roko. Kaj venis la nubo, venis la ruĝo de l'sunsubiro. La blankaj dentoj proksimiĝis! La ruĝa dentkarno moviĝis! Ete eta, varma viandomaĉo mi tremis.*

*Ho, feliĉaj, grandaj dentoj, kies dentoj vi estas, — inter kiuj eterne baraktas la amara vivo? Tien kaj tien ni ŝoviĝas etaj maĉoj, en la terura Buŝo, ĝis ni polviĝos inter la ruĝa dentkarno. Kio estas tiu ĉi granda Indiferento, la Senvivulo, kiu maĉas la vivon? Ho, terura Shiva! aŭ ĉu vivo estas ankaŭ vi, sovaĝa kaj varma vivo; kaj nur viaj dentoj estas malvarmaj, giganta Muelanto? Min fantomas la malvarmeco de l dentoj. Kaj mi konsterniĝas pri ni, aŭdaculoj, kiuj skulptas por ni domojn el ĉi tiuj blindaj dentoj.* *El la hungara: Karlo Bodó.*

# ARTO KAJ ARTISTOJ

IG. SLAPELIS: M. K. CIURLIONIS 1857–1911.

Ekzistas en la historio fenomenoj, kiujn klarigi kaj kompreni mankas la eblo, ĉar la sciencaj metodoj ne taŭgas por ili.

Al tiuj fenomenoj oni povas kalkuli la aperon de Čiurlionis en Litovujo; lia ekesto neniel agordas al la evolucio kaj estas kvazaŭ mirakla. La litovoj, kvankam maljuna nacio, siatempe estinta tre potenca, longan tempon preskaŭ ne ekzistis en la vico de l'civilizitaj nacioj. Dum tiu tempo la litovoj vivis por si, portantaj pezan jugon, premataj de fremduloj, perdintaj siajn superajn klasojn, kiuj, ĝenerale, estas gvindantoj de l'popolo laŭirante civilizacian vojon, sed nun rifuzinte sian nacion, servis al fremduloj.

Tiatempe la fajreroj de nacia spirito brilis en la popolo kaj donis belajn, mirindajn fruktojn de popolarto, sed en la kreado de pura arto la litovoj entute ne partoprenis. Nur nelonge antaŭ la granda milito komenciĝis la Litovuja tagiĝo, kaj iom pli malfrue, post la rericevo de presrajto, ree komencis bati la pulso de Litovujo kaj esprimiĝi ĝia vivo en ĉiuj fakoj.

Dum tiu longa nokto, kiu estis suririnta Litovujon post la unuiĝo kun Polujo, la litovoj multe postrestis de la civilizitaj Eŭropaj nacioj ankaŭ en artkreado. Nur rericevinte la preson, komencis. Litovujo sin levi post la deviga malvigliĝo; ĝi ree komencis krei ankaŭ sian arton kaj postkuri la Eŭropajn naciojn.

Kompreneble, la litovaj artistoj devis esti ies lernantoj, ĉar neniajn specimenojn de sia arto kaj neniajn tradiciojn ili havis. Do, la litova nove elkreskanta pentrarto estis kaj estas plene dependanta de regantaj influoj en Eŭropo, kiuj ĉi tie, same kiel ĉie, forte reeĥas.

M. K. Čiurlionis estis unu de la unuaj kreantoj de litova pentrarto; li nenion imitis de la Eŭropaj artfluoj, li laboris plene memstare kaj originale. Pro tio li estis la unua vekanto de la litova arto, organizanto de la artaj ekspozicioj en *Vilnius* kaj ilia ĉefa partoprenanto.

Estas mirinde, ke dum ceteraj litovaj artistoj estis Parizaj lernantoj, M. K. Čiurlionis preskaŭ de la komenco fariĝis majstro, iris antaŭ la aliaj, entute certa je si, nur timanta pri aliaj, irantaj post li, por ke ili ne foriru sur fivojoj.

Kiam M. K. Čiurlionis komencis krei, kiam li sin donis al pentrarto, estis aktuala problemo pri la rilatoj de pentrarto kun la muziko. La muziko, la plej perfekta arto, enhavanta plene ellaboritan, forte pritraktitan teorion, fariĝis idealo, kiun celis ĉiuj artbranĉoj. Ne vane la fama artkonanto anglo J. Pater diras en sia verko „Renascence": „Ni devas imagi ĉiujn artbranĉojn kaptitaj de konstanta konkuro pro la plej alta idealo, kiun nur la muziko atingis plene, ĉar nur ĝi estas kompleta arto kaj objekto de ĉiu granda arta „celado alien" (Anderstreben).

Do la pentrarto ankaŭ ne postrestas de ĉiuj aliaj artbranĉoj en ĝeneralaj penoj al idealo. Inklino de arto al muziko estis provata de multaj, sed tiuj provoj estis tre suprajaj kaj naivaj. Tiujn provojn farante estis forgesite, kiel senfine granda fizika diferenco estas inter la lumo kaj la sono kaj oni volis trovi inter ili la analogion. Teoriuloj verkas traktatojn, kie kolorojn oni dividas laŭ muzika oktavo, la pentristoj provas apliki teorion en la praktiko. Sed tiuj teorioj dume estas tre subjektivaj kaj aplikitaj en praktiko donas fruktojn taŭgajn je nenio.

M. K. Čiurlionis ĉi tiun problemon arbitre solvis. Li, de naskiĝo kapabla muzikisto, poste bone perfektiĝis en tiu fako, ĉar sukcese absolvis Varsovian konservatorion kaj du jarojn studis muzikan teorion en Leipziga konservatorio kaj estis amata lernanto de prof. Jodoschon. Tiu ĉi profesoro ofte miris pro tio, ke Čiurlionis, estante tiom juna, komponas tiajn malĝojajn komponaĵojn. De al M. K. Čiurlionis la muziko estis aparta mondo, en kiu li vivis. Li estis trasorbita per muzika-maniero, kaj per cikloj li pensis. Tiun pensmanieron li enportis ankaŭ en la pentrarton: li pentras bildojn cikle, t. e. prenas ian temon kaj evoluigas ĝin per adekvataj variantoj eĉ en bildoj; ĉiu de tiaj bildoj per sia agordiĝo adekvatas al sonataj partoj: *Andante, Moderato, Allegro, Scherzo, Finale;* tiamaniere li kreas ciklojn de bildoj nomitajn: Mara Sonato, Suna Sonato, Piramida Sonato, Serpenta Sonato k. t. p. do t. e. en la mondo, kie nenio estas konstanta, nenio estas reala, kie ĉio estas nur transformiĝoj de sonoj kaj rilatado de tiuj transformiĝoj; en la mondo, kie proceso mem konsistigas sian esencon; alispeca esenco ĉi tie ne ekzistas; li bone komprenis ankaŭ la eternan genezon de la videbla mondo, ĝian eternan kreiĝon kaj pereon, kie konstanto ankaŭ ne ekzistas. Tial li kreas en siaj bildoj la mondojn, kie ĉio fluas, kie la objekta realeco estas io maldensa, travidebla. La mondo de pentristoj ĝis nun estis iom postrestinta de la nun reganta opinio, ĉar la pentristoj rigardis la mondon per okuloj de naivaj realistoj; M. K. Čiurlionis la postrestintan pentrarton reproksimigis al opinio nuntempa, al sciencaj almilitoj, starigis la pentrarton ree sur vojon, sur kiu iranta ree ĝi povus rericevi signifon, kiun ĝi havis en siaj plejbonaj tempoj, sed nun perdis, fordividiĝanta de vivo kaj sin ferminta en siaj mallarĝaj problemoj teknikaj. M. K. Čiurlionis mallonge vivinte, nur 37 jarojn, kaj des pli mallonge laborinta por pentrarto (nur 8 jarojn),

[1] Elparolu: Čjurljonis.

postrestigis pli ol 200 kreajojn, en kiuj li sin montris jam neestanta lernanto de Eŭropanoj, sed granda majstro kaj gvidanto, malproksime antaŭkurinte ĉiujn. Tial lia kreado posedas grandan signifon en la kultura kaj arta historio.

Ĝis nun la pentrarto de M. K. Čiurlionis en eksterlando malmulte estis konata; nur en Rusujo, kie li antaŭ la milito partoprenis en ekspozicioj, li estis alte valorigata (precipe de „Mir Iskusiva"). Sendube lia nomo baldaŭ disvastiĝos en Eŭropo, kiam liaj pentrajoj estos alireblaj, estante elpenditaj en la galerio kreita je lia nomo kaj malfermita la 20 de oktobro en *Kaunas*. M. K. Čiurlionis estas la plej originala pentristo ne nur en Litovujo, sed ankaŭ en la tuta Eŭropo.

En la muziko M. K. Čiurlionis ankaŭ multon faris kaj postrestigis multe da komponaĵoj, el kiuj plej fama estas „Miškas" (arbaro), muzika poemo.

Finante tiun ĉi malgrandan mencion de la 50 jara datreveno de lia naskiĝo, mi devas rimarki, ke lia kreado estas ankoraŭ malmulte komprenita kaj valorigita, sed ĝi estas inda de seriozaj studoj, kiel tre interesa fenomeno en la arto.

*Trad. P. Andrusevičius.*

# O B S E R V O

## PETER BENOIT [1]

Kiel Flandralando nekonata, tiel estas, por la mondo kiu etendiĝas senfine ekster niaj limoj, ankaŭ la Flandra komponisto, *Peter Benoit*, unu el niaj plej puraj gloroj tamen, kaj kiun nia popolo, kiel sian grandan heroldon, estas enferminta en la koro.

En Harelbeke [2], ĉe la bordoj de la Leie, en Okcidenta Flandrio, la 17an de Aŭgusto 1834, naskiĝis li de simplaj homoj; lia patro estis kluzestro, homo kun muzika talento; lia patrino *Rosalie Monnie*, flandra filino, kun naturdevena sento por teatro kaj deklamarto. De pedelo, samtempe orgenisto, *Pieter Carlier*, kapabla viro, li ricevis sian unuan muzikinstruon. En 1849 li konatiĝis, dum vojaĝeto al Bruselo, kun la „Profeto" de Meyerbeer, kiun li memoris kiel ion ne forgeseblan. La dekkvinjara, kampara junulo komponis kaj estris jam tiam sian propran muzikon en la vilaĝa edukejo. Al Bruselo li iris por studi fortepianon kaj la harmonion en la tiea muziklernejo dum la estrado de *Fétis*. En 1854 li akiris la unuan premion de harmonio! La sekvantan jaron li konkursis por la premio de Romo, kaj atingis la duan.

De tiam plivastiĝis lia muziktalento ĝis solida matureco. En 1857 akiris *Benoit* la unuan premion de Romo per „La Morto de Abel", post kio li akceptis artvojaĝon al Germanujo; li vizitis sinsekve *Leipzig, Dresden, Praha, Berlin* kaj *München*. Dum tiu vojaĝo multaj estontsemoj sendube ekĝermis en li, ĉar tiam li jam sendis al la Akademio raporton pri la Flandra muzikskolo kaj ĝia estonteco.

La kaprica sorto kondukis lin, kiu en sia propra lando ja laŭdon sed ne salajron gajnis, al Parizo, kie li, kiel orkestrogvidanto de la... Offenbach'aj „Bouffes Parisiens" laborakiris pene sian vivpanon. Oni konas anekdoton de la juna estro, kiu dum interakto de „Orfeo en la Infero", en la keloj de la teatro, kun la al li amikaj muzikistoj ripetis sian „Requiem". Tie la sprita Offenbach surprizis lin unufoje, je la miro de Peter, ĉe l' freŝa faro de „granda arto"... Post unu jaro li forkuris el tiuj ŝanĝanimaj lokoj kaj reiris al Bruselo. Lia „Te Deum" trafis tie sukceson en 1863, kiel ankaŭ lia „Requiem".

Sed nur tiam la „vera" Peter Benoit ekmalkovris sian propran vojon. La oratorio „Lucifero" estas la unua ĉefverko de Benoit, kiu faris lin tuj la ĉefo de la muzika movado en Flandralando. La verko konkiris post Bruselo, ankaŭ Genton kaj Antverpenon, en 1883 ĝi estis ludata en Parizo; en 1889 en Londono.

Post Lucifero venis, kiel nova granda verko: „La Skeldo". La unua ludado de tiu ĉi oratorio okazis en Antverpeno en 1869. Benoit prikantas en ĝi, imponmaniere, la Skeldon, la landriveregon, kiu simbolas — se oni povas tiel diri — la patrujon.

De tiam regis Peter Benoit kiel komponisto kaj kiel orkestrogvidanto sur la Flandra muzikvivo. Fremdlandaj muzikistoj kiel *Gounod* kaj *Liszt*, estis akceptataj en Antverpeno kaj ilia ĉeestado estis festata per specialaj muzikfestoj.

La tria muzikmonumento, en kiu la majstro kunigis sian forton, estas la giganta oratorio: „La Milito" (1872). Ĝi estas en la arto eble ne superita pentrajo, en kiu potenca forto estas elkatenigata: ĝi estas kiel ĉiuj liaj verkoj, fresko de sonoj, de larĝefrapanta drama forto kaj granda muzika beleco.

Krom tiuj verkoj Benoit verkis ankoraŭ: la lirikajn-parolatajn dramojn „*Charlotte Corday*" kies uverturo enhavas la majstran motivon de la „*Marseillaise*"; „*La Paciĝo de Gento*" kaj „*Karlo de Gelderland*", la „*Rubenskantato*", grandioza festkanto je l' honoro de la plej fama artpentristo flandra. Benoit estis samtempe la kreinto de speco, kiu antaŭ li preskaŭ ne estis praktikita, nome la „*infankantato*". Per „*De Wereld in*" („En la mondon!") (1878) kreis li la prototipon de tiu speco, delikata ĉefverketo, kiu de tiam ne plu estas superita eĉ ne de la alia infankantato, kiun Benoit verkis je l'honoro de la plej fama urbestro Antverpena: „Van Rijswijck" kantato (1884) kvankam la verko atestas saman noblan inspiron kaj la saman majstran povon.

La oratorioj „La Muzo de la Historio", „La Rejno", „La Genio de la Patrujo", „La Plor- kaj Triumfkanto" unu el la plej eminentaj kreajoj de Benoit, flanke de granda nombro de ĉambromuzikverkoj kaj multaj, tre ŝatindaj kantoj, inter kiuj la belega himno „Mia patrinlingvo" laŭ ĉarma versaĵo de *Klaus Groth*, kompletigas la longan aron de la verkoj de Benoit.

La 8an de Marto 1901 Peter Benoit, la „Festsonorilo de la Flandroj" kiel unu el niaj poetoj nomis lin tiel trafe, estis forprenita de sia popolo.

En la koroj de la Flandrianoj li daŭrigas nemorteblan vivon. Ĉiujare okazas en Antverpeno ludadoj de liaj grandaj verkoj, organizitaj de speciale por tiu celo fondita societo: la Peter Benoit-societo, — kaj kun la senprofitema kunlaboro de grandegaj ĥoramasoj. Benoit estas por la Flandrianoj tio, kio *Smetana* estas por la Ĉeĥoj. Nur, Benoit devas ankoraŭ esti „malkovrita" de la Eŭropa muzikmondo! Lia famo estas penetrinta tre malproksimen trans la limojn de lia patrujo, sed liaj verkoj faris tion — krom kelkaj esceptoj — ankoraŭ ne. Tio dependas parte de materialaj kaŭzoj: ne ĉie oni disponas la postulatajn ĥoramasojn!, — parte de la indiferenteco, kiun la superuloj montras kontraŭ la verkaro de Benoit.

Kiel nekredebla povas ŝajni, la plej belaj verkoj de Benoit, estas ĉiam ankoraŭ nepresitaj! La Flandrianoj esperas, ke, post kelkaj jaroj nacia eldono de liaj verkoj okazos, kiel tio en aliaj landoj jam longtempe estus okazinta. Nur tiam Benoit povos esti estimata en eksterlando laŭ sia vera valoro! Povus tiuj ĉi kelkaj linioj kunlabori por veki iom da intereso por Benoit, kiu estas figuro de Eŭropa signifo, ...tiam nia celo estos atingita.

*Hendrik Diels.*

(1) Elparolu: Petr Bénoa

(2) Harelbeke = „Harlbek": malgranda vilaĝo en Okcidenta Flandrio ĉe la bordo de la Leie, alflua rivero de la Skeldo; la kunfluiĝejo de la du riveroj estas Gento. Estas, ke Benoit ŝtatis restadi en Harelbeke ripozante de siaj profesiaj okupoj kaj verkante multe da siaj plej belaj kantoj.

*(Daŭrigo de la dua paĝo)*

La Administracio komunikas ĉi sube interesan statistikon. Nur unu rigardon jetu al la ciferoj kaj vi trovos la plendon kaj helpkrion prave motivitaj. Komparu la ciferojn kaj vi konstatos, ke la grandaj, fortaj nacioj proporcie ne egalas la viglemon de la malgrandaj. Estas landoj, kies interesiĝo povus servi je modelo, kaj se el ĉiu lando evidentiĝus sama kompreno kaj konscia helpemo: *Literatura Mondo aperus regule kaj dudekkvarpaĝe* kun pli internacia enhavo. Tiam ni ne devus konservi bonegajn originalajn manuskriptojn en la tirkesto *pro manko de loko*, kaj ni povus plene efektivigi sopiratan revon: *nian programon.*

La konstanta deficito pruvas, ke ne profito kuntenis la Redaktan Komitaton kaj la Eldonantojn, sed la majesta ideo „*servi al la kulturo de Esperanto*". Ni faras nian devon, faru ankaŭ vi. *U. E. A.* bezonas 10.000 membrojn, „*Heroldo de E.*" 4000 abonantojn:

# LITERATURA MONDO

**NUR UNU MILON EL LA CENTMILOJ POR LA EKZISTO.**

Servoprete por la movado atendas meritItan subtenon

**LITERATURA MONDO**

## NIA KUNLABORANTARO

LOUISE BRIGGS (ARMLEY), J. GRAU CASAS (BARCELONA), HELMI & HILDA DRESEN (TALLINN), NIKOLAO HOHLOV (ZAGREB), IVAN H KRESTANOFF (PIRDOP), A. MAZZOLINI (FERMO), JAN VAN SCHOOR (ANTWERPEN), TIBERIO MORARIU (BUCURESTI), PAUL NYLÉN (STOCKHOLM). EMMA L. OSMOND (LONDON), PETRO STOJAN (GENÉVE), M. SOLOVJEV (NOVI SAD), DRO LEONO ZAMENHOF (VARSOVIO), RAYMOND SCHWARTZ (PARIS), J JURYSTA (CZENSTOCHOVA), STANISLAW BRAUN LODZ), HENRIKO SEPPIK (TALLINN), DANIEL EYQUEM (PARIS), ZANONI. STAN KAMARYT (BRATISLAVA), RUD. HROMADA (PRAHA)

## ABONANTOJ DE LITERATURA MONDO

**(EN PARENTEZO LA POEKZEMPLARE VENDITAJ)**

| | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| Austrujo . . . . . | 8 | (12) | ? | Kosta-Riko . . . . | 1 | — | |
| Australio . . . . . | 6 | — | | Kuba . . . . . . | 1 | — | |
| Argentinio . . . . . | 3 | — | | Kanado . . . . . . | 2 | — | |
| Belgujo . . . . . . | — | (31) | | Latvio . . . . . . | 30 | — | ! |
| Bulgarujo . . . . . | 19 | — | | Litovio . . . . . . | 9 | — | |
| Brazilio . . . . . . | 1 | — | ? | Meksiko . . . . . | 1 | — | |
| Britujo . . . . . . | 35 | (8) | | Nederlando . . . . | 8 | — | ? |
| Ĉeĥoslovakujo . . . | 9 | (61) | ! | Norvegujo . . . . . | 3 | — | ? |
| Danujo . . . . . . | 1 | — | | Nov-Zelando . . . . | 1 | — | |
| Estlando . . . . . | 16 | (5) | | Persujo . . . . . . | 3 | — | |
| Finnlando . . . . . | 10 | — | | Polujo . . . . . . | 25 | — | |
| Francujo . . . . . | 13 | ? | ? | Rumanujo . . . . . | — | (25) | |
| Germanujo . . . . | 72 | — | | Rusujo . . . . . . | 17 | (10) | ? |
| Hungarujo . . . . . | 43 | (70) | | Svedujo . . . . . . | 4 | — | ? |
| Hispanujo . . . . . | 28 | — | | Svisujo . . . . . . | 14 | — | ? |
| Hindio . . . . . . | 2 | — | | Turkujo . . . . . . | 1 | — | |
| Itnlujo . . . . . . | 10 | — | ? | Usono . . . . . . | 12 | — | |
| Japanujo . . . . . | 11 | (10) | ? | St. Vincento . . . . | 1 | — | |
| Jugoslavio . . . . . | 3 | ? | ? | | 443 | (232) | = 675 |

Monata enspezo:
675 × 10.000 = 6,750.000 hung. kro.

Monata elspezo:

| | | |
|---|---|---|
| Presado . . | 5,500.000 | hung. kro. |
| Poŝtkosto . | 1,500.000 | |
| Administrado | 1,000.000 | |
| Kliŝado . . | 500.000 | |
| Div. elspezet. | 500.000 | |
| | 9,000.000 | hung. kro. |
| La monata deficito | 2,250.000 | hung. kro. |

Ni aldonas, ke kelkaj el niaj klientoj kaj reprezentantoj ankoraŭ ŝuldas de longa tempo kaj tiuj suldoj superas la sumon hung. kro. 12,000.000.

Bonvolan trarigardon petas

la *Administracio.*

## *ABONPREZOJ DE LITERATURA MONDO*

Por 1 jaro: 144.000. Hung. K.(2—2.10 dol. aŭ 8 ŝi. 5 p.)
„ 1/2 „ 72.000 „
„ 1/4 „ 45.000 „
aŭ egalvaloro en kia ajn mono transkalkulita laŭ kurzo de Zürich de l'pagotago.

Po ekzemplero: 12.000 hung. Kronoj+poŝtelspezo (enlande 10%, eksterlande 20% de la sumo).

Por libristoj 33 1/3% da rabato.

La abonoj komenciĝas de Januaro aŭ Julio. Sendu la abonsumon en rekomendita letero, per poŝtmandato (el Germanujo, Svisujo, Nederlando Austrio, Francujo k. t. p.), aŭ per banko por konto Nro 10876. de Hungara Esperanto Instituto ĉe Hung Reĝa Poŝtŝparkaso aŭ ĉe Hung. Ĝenerala Kreditbanko Budapest se tio ne estus ebla: al la naciaj reprezentantoj de

*LITERATURA MONDO*

Globus presartinstituto A. S., Budapest. Direktoro Nikolao Biró